VIIa jaro. No 97 ★ Duonmonata ★ 20 Marto 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

| ABONO | | DIREKTORO : | REKLAMO | |
|---|---|---|---|---|
| Jara abono . . . . . . | 2,00 $ (5 fr. ») | HECTOR HODLER | Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). | 20 Sd. |
| Luksa eldono. . . . . . | 2,50 $ (6 fr. 25) | | Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . | 15 Sd. |
| *La abonoj komenciĝas de la 1e de ĉiu monato.* | | | Korespondado (1 enskribo) . . | 20 Sd. |
| | | | *Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.* | |

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# ZAMENHOF KAJ ESPERANTO KIEL EDUKANTOJ

La historio de l'homaro nin instruas, ke ĉiu kultura nacio naskas de tempo al tempo virojn provizitajn je eksterordinara povo de l'spirito. En kelkaj individuoj, favoritaj de deveno kaj de feliĉaj cirkonstancoj, amasiĝas distingaj spiritaj kapabloj. La homoj admiras tiujn geniulojn, kiuj superas la ceteran homaron, kiel izola giganta monto superas vastan ebenaĵon. La naturo destinis, ke en planta kaj besta organismo certaj ĉeloj formas florojn kaj fruktojn. Simile ĝi destinis, ke la geniuloj naskas en siaj cerboj novajn fruktodonajn ideojn. Tiamaniere ili estas la portantoj de la evolucia principo en la homaro ; ili fruktigas aliajn spiritojn, montras idealajn celojn al la homoj kaj kondukas ilin al ĉiam pli altaj suproj.

Sur ĉiuj kampoj de la spirita agado ni povas trovi tiajn superajn virojn. En formo aŭ de grandaj reĝoj aŭ de militestroj, de filozofoj aŭ de religifondantoj, de poetoj aŭ de artistoj ili plenumas sian taskon kiel kondukantoj kaj edukantoj de l'popoloj.

La verkoj de la geniuloj ne ĉesigas sian efikon al la homaro post la morto de la aŭtoroj ; kontraŭe, ofte nur post la morto oni komprenas la veran enhavon de la geniaj ideoj. La bonaj ideoj ne mortas, ĉar ili estas fruktoj de senmorta spirito.

La spiritaj gigantoj efikas kiel edukantoj, ofte tute nekonscie, per la forto de siaj bonaj ideoj. Krom ili ni ankaŭ bezonas bonajn edukistojn, kiuj ne nur montras la vojon al la altaĵo, sed precipe scias instrui la homojn, kiel uzi la fortojn por atingi la supron. La tasko de la edukanto estas tute malsama, ol tiu de la verkanto. La edukanto devas instrui la lernanton krei memstare kaj konscie proprajn verkojn. La veko de dormantaj en la lernanto fortoj, la starigo de lia memkonfido, tio estas la granda arto kaj la alta devo de bona edukanto.

Por dissemi la semon de bona kaj utila homara ideo ni bezonas virojn, kiuj scias prilabori bone elekitan riceveman kampon. Per lerta ago, per varma kortrafa parolado ili kuntiras samcelantajn, komprenemajn animojn al entuziasma kunlaboro.

Ni rigardu majstron Zamenhof kaj lian grandegan, nekompareblan verkon ! Kiu bone komprenas la netakseblan signifon de la helplingva ideo, ne hezitos envicigi lin en la nombron de la unuaj spiritaj grandeguloj de l'mondo. Lia verko estas nova efika ilo por la fina plenumo de la fundamenta leĝo de ĉiu vera religio : la leĝo pri l'amo al la homaro.

En la animo de l'juna Zamenhof estis plantita ĝermo de granda fruktodonemeco. El la ĝermo ekkreskis planteto, kiun li flegis kun nesuperebla pacienco kaj sindonemo. Per preskaŭ superhoma diligenteco kaj persisteco, li edukis la planteton ĝis kiam ĝi fariĝis fortika arbego etendanta siajn verdajn branĉojn tra la tuta vasta terglobo.

Sukcesinte krei tian verkon, la majstro vidis sian nuran rekompencon por preskaŭ dumviva laboro en la iom post ioma maturiĝo de la fruktoj, neniam postulante la rikolton de tiuj ĉi fruktoj por sia propra persono. Lia grandanima oferemo, de kiu ni konas malmultajn similajn ekzemplojn,

ordonis al li la nedividitan transdonon de lia spirita verko al la tuta homaro. Ni ne citas tiun fakton por glorigi lin, ĉar ni mem ne ŝatas glorigi personojn, kiuj nur plenumas siajn devojn, se ili kulturas la ĝermojn al ili kvazaŭ nur prunte donitajn de la naturforto. Ni ankaŭ bone scias, ke Zamenhof mem tute ne ŝatas en sia modesteco akcepti honorojn kaj laŭdajn vortojn por sia propra persono. Laŭ lia diro, la honorojn faritajn al li, li rigardas nur kiel honorojn destinatajn al la komuna granda afero. Sed alimaniere ja ne estas eble starigi lin kiel imitindan ekzemplon.

Ĉu li sin ne pruvis eminenta kondukanto, montrante al la homoj unu el la plej noblaj celoj ? Kaj, por ke ĝi ne restu nur utopio, li cetere igas nin sukcesplene iri la vojon al la plej alta supro de la civilizacio.

Se ni nun sekvas liajn instruojn kaj trovas, ke la vojo tamen estas pli kruta kaj ŝtonplena ol komence ŝajnas, nia majstro venis al ni, kiel bona edukanto. Li montras al ni, kiel per la de li uzataj dum sia tuta vivo virtoj : per pacienco, forta kredo al bono, senlaca laboro, persistemeco nedetruebla fideleco ni fine devas venki ĉiujn barojn kaj atingi la altan celon.

Per liaj entuziasmigaj vortoj enpenetrantaj en la korojn Zamenhof scias mirige fortiri la atente aŭskultantajn disciplojn. Kiam ni kantas kun li en « la Vojo » : « nur rekte kuraĝe kaj ne flankiĝante ni iru la vojon celitan »..... kaj : « nin ne timigas la noktaj fantomoj, nek batoj de l'sorto, nek mokoj de l'homoj »....., aŭ : « ni paŝo post paŝo, post longa laboro atingos la celon en gloro », ĉu ni povas senti aliajn sentojn ol tiujn de forta kuraĝo kaj de plena konfido je la fina venko de nia afero ? Kaj eĉ la plej ruzaj agaĉoj, kiuj klopodas ĵeti pezajn ŝtonojn sur nian vojon, ne povas rabi al ni la konvinkon pri la praveco de nia vojo. Ardan amon al la grava verko ekflamas la konfidema venka spirito de Zamenhof en la koroj de la seriozaj adeptoj. Simile alvokas al ni P-ro Cart per la trafaj signaldiroj : « Ni fosu nian sulkon ! Ni restu fidelaj ! » Jen bona kaj mallonga laborprogramo donanta ĝustan direkton al la sindonema samideanaro. Jes, ni juru fidelecon al la Esperantismo, en kies fundo ardas la fajreroj de dia amo. Fideleco kaj amo estas la ĉefaj virtoj kunforĝantaj la kunbatalantojn al nevenkebla potenco.

Fajreroj de homara amo ardadas forte en la bona forta koro de nia majstro ; el ĝi kreskis granda flamo heliganta lian tutan vivon. Kiu ne povas esti kortuŝata per la piaj vortoj de la « Preĝo sub la verda standardo », en kiu li alparolas superan estaĵon tiel senkompare bele : « Ho potenca, senkorpa mistero, fortego la mondon reganta, ho granda fonto de l'amo kaj vero kaj fonto de l'vivo konstanta ! » En tiu ĉi belega poeziaĵo la kondukanto donas sian puran kredkonfeson. Li ne estas blindigita de kredo nacia nek de dogma fervoro ; li konas neniujn malamikajn sektojn, neniujn naciajn limojn ; lia koro estas sanktigita templo de la sola plej vera, plej pura, plej simpla kaj plej supera religio enhavanta nur unu leĝon : la kredon al unu granda fortego, la amon al la homoj fratoj. Se ni kun ĉagreno vidas, ke tiu ĉi ordono de ĉiuj grandaj religiosistemoj de la mondo estas ankoraŭ tiel malproksima de ĝia plenumo, ni devas konstati, ke unu el la plej gravaj malhelpaĵoj estas la diferenco de la kompreniloj, la diverseco de la sennombraj lingvoj.

Se nun venas elokventa predikanto kaj donacas al ni la ilon por flankenigi tiun baron, ĉu ni ne devas danke akcepti ĝin kaj diligente labori en lia direkto ? Sed ne la nura lingvaĵo, la gramatika konstruaĵo, povas efiki tiel forte. La pura fonto de tiu aga forto naskiĝas el la interna ideo de Esperanto, kiun ni nomas Esperantismo. La interna ideo de l'Esperantismo estas la instigilo al nia fervora agado, ĉar ĝi estas la fundamento de la religio komuna al la tuta homaro : la frata amo.

Kaj tiu interna senco estas la forto, kiu plenigas la korojn de la fidelaj samideanoj je firma espero kaj nelaciĝa forteco. Tial la Esperantismo pruviĝas kiel potenca edukanto. Ĝi instigas nin al senegoisma laboro, ĝi plantas en la korojn de la homoj la pacamon kaj instruas ilin abomeni la kruelajn militojn verŝantajn la sangon de la kunfratoj. Ĝi instruas nin ekkoni kaj ami la bonon, veron kaj belon.

Ĝenerale oni ripoĉas al la idealistoj kredantaj al la venko de la bono, ke ili estas nepraktikaj revemuloj, konstruantaj kastelojn en la aero. Nu, la Esperantistoj pruvis, ke tiu diro ne trafas ilin, ĉar la Esperantismo ankaŭ naskis praktikulojn, bone esplorantajn la rimedojn por la efektivigo de la Zamenhofaj revoj. La interna ideo akrigis iliajn sentojn por eltrovi metodojn de efika propagando kaj de praktika uzado de Esperantismo.

En la regno de l'Esperantismo diferencoj je konfeso, posedo kaj rango ne havas lokon. Neniu vera Esperantisto, kiun favora sorto kaj lia propra forto staris sur altan ŝtupon de la vivo, sentos sin tro bona por interrilati kun fratoj kaj samideanoj starantaj sur pli malsupra ŝtupo. Kontraŭe, li pruntos al la alia iom da forto sia, por helpi lin per ago kaj konsilo.

La praktika institucio por la efektivigo de la interna ideo de Esperanto estas konata de vi ĉiuj ; ĝi estas Universala Esperanto Asocio ; ĉar tiu ĉi benriĉa entrepreno estas tiel grava edukilo, estas la serioza devo de la Esperantistaro, labori ĉiam je ĝia plua disvastiĝo.

W. A. Vogler, Delegito de Hamburg.

# Liberaj Vortoj

## Samideaneco ne nur en vortoj !

Ekzistas bedaŭrinde iuj Esperantianoj, kiuj havas strangan ideon pri solidareco. Ili bonege komprenas siajn rajtojn kaj en ĉiu okazo ilin uzas — pri tio nenio riproĉinda — sed pri siaj devoj ili havas tre malproksiman ideon.

Kelkaj petas de Delegitoj ofte komplikajn specialajn servojn, kies respondado postulas longajn esplorojn, kelkafoje kaŭzas elspezojn eble malgravajn, sed tamen ne malpli realajn. La Delegito zorge plenumas tiun servon kaj fidante al la samideaneco, aŭ almenaŭ korekteco, de la petinto sendas la informojn antaŭ ol li ricevis la monsumeton. Nu, ricevinte kion li deziris, la petinto ne nur ne dankas la Delegiton — kio estus elementa afablaĵo se la servo estas aparte malfacila aŭ speciala — sed forgesas (?) repagi al li sian ŝuldon.

Mi scias, ke laŭ la regularo la Delegito havas la devon plenumi elspezigan servon nur post ricevo de la responda monsumo, pri kiu li antaŭe avertu la membron. Tamen, ofte la servo kostas malmulte kaj, por ne prokrasti, la Delegito, fidante al la petinto, sendas la deziratajn informojn. Rekompenco : ne repago, nek eĉ danko !

Legu, ekzemple, tiun eltiraĵon el letero de Delegito : « ...Tiu ĉi postulis de mi grandan laboron ; li direktis al mi amason de demandoj pri ŝparkas-afero. S-ro M... laboris kaj ĉerpis longan artikolon el oficista gazeto, mi iris en la ŝtatbibliotekon kaj prenis notojn, kaj dum multaj tagoj devis traduki miajn germanajn stenografaĵojn ; mi mem ja ne estas ŝparkasoficisto kaj tial tiu tasko tute ne estis agrabla por mi. Kion mi rikoltis ? tute nenion. La citita sinjoro ne nur ne sendis du respond-kuponojn kiujn mi petis de li, li eĉ ne dankis !... »

Tiu fakto, malfeliĉe, ne estas izola. Ĉu estas bezone rimarkigi, ke klopodiga estas la tasko de serioza Delegito, precipe en granda urbo, ke li neniel estas salajrata persono, sed homo plenumanta sian taskon nur pro amo kaj sindonemo al Esperantismo, ke se oni rajtas uzi liajn servojn, oni havas la moralan devon montri al li ian dankon, kiam tiuj

GEOGRAFIO

## La Marbordaj Libertempoj en Anglujo

Anglujo estas lando de la maro. Ĝia forteco grandamezure fondiĝis sur la maro. Ĉiuflanke ĝin ĉirkaŭante, ĝi protektis ĝin de la trudaĵoj de aliaj nacioj, kaj gardis ĝin libera de la komplikaĵoj de Eŭropaj politikaj militoj, donante al ĝiaj regnanoj okazon por vastigi siajn proprajn, distingiĝajn karakterizojn. De la tagoj de la potenca reĝino Elizabeth ĝiaj filoj estas inter la unuaj maristoj de la mondo.

Tial oni ne miras, ke la amo al la maro ŝajne plantiĝis en preskaŭ ĉiu Angla koro — dezirego rigardi ĝian senliman etendecon, senti la sanigan kison de ĝia sala venteto, admiri la majeston de ĝiaj ruliĝantaj ondoj, kiam skurĝata de la vento ili leviĝas en fortega kolero, aŭ la pacan belecon de ĝia somera trankvileco, kiam la sunlumo kuŝas sur ĝi kiel ligilo de brilanta oro.

Sed la granda plimulto de Angloj devas vivi for de la maro, en grandaj fabrikurboj aŭ la trankvila kamparo, kaj ne havas la privilegion ĝin ĝui.

Libertempoj tamen faras la okazon viziti ĝin kaj milionoj da Anglaj homoj ĉiujare uzas la okazon. La plej ŝatataj libertempaj monatoj estas Julio, Aŭgusto kaj septembro, kaj el tiuj ĉi Aŭgusto estas la ĉefa. En la lastaj jaroj Pasko kaj Pentekosto populariĝis kiel marbordaj libertempoj, sed Aŭgusto estas ankoraŭ nedubeble la « marborda » monato.

Ĉirkaŭ la fino de Julio la lernejoj fermiĝas kaj miloj da infanoj liberiĝas por sia kvar-, kvin-, aŭ ses-semajna somera libertempo. En Julio la ĝenerala eliro de Londono kaj la grandaj urboj komenciĝas. Fiakroj, ŝarĝataj je personoj kaj pakaĵoj pasas tra la stratoj al la grandaj stacidomoj, la stacidomoj mem prezentasamasojn neprikrisbeblajn — ĉiaj veturiloj, fiakroj, pakaĵoj, veturilegoj, manveturiloj ; portistoj kuregas tien ĉi, kaj tien, portantaj grandegajn ŝarĝojn de valizoj kaj sakoj, aŭ lerte irigas puŝveturiletojn, tra la amasoj.

Tiuj ĉi vagonaroj tre malkare forprenas la laborlacajn laborintojn de la urboj, for de la fumo kaj movado al la marbordo, por enspiradi tie sanon kaj energion el la ozono-portantaj ventoj.

Multe da marbordaj lokoj de Anglujo kreskis grandaj kaj riĉaj kaj fariĝis eĉ gravaj urboj. El tiuj la ĉefa estas Brighton, 52 mejlojn for de Londono, ĉe la Suda marbordo. Tiom multe ĝi kreskis ke oni konas ĝin kiel « Londono-apud-la Maro ». Multe da homoj, tamen, preferas iri al pli kvietaj lokoj por siaj libertempoj — lokoj kie la kamparo ĝis nun estas ne tuŝata kaj kie oni povas ĝui maron kaj teron pli simple kaj pli mature.

Kompreneble, la ĉeesto de sabla bordo estas grava afero en la marborda libertempo, por la infanoj. Bona sabla marbordo estas paradizo por ili kaj la marborda urbo kiu posedas tion ĉi povas esti certa pri populareco kaj sukceso. Krom tio ĉi ne estas alia pripensinda afero, por la infanoj — tiu ĉi fakto sole vizitindigas la lokon. Sur la marbordo ili sidados kaj ludados horojn, farante sablajn pastecojn, sablajn kastelojn, sablajn domojn, plaŭdante per la manoj kaj la piedoj en la malvarmeta marakvo, bruniĝante per la afabla suno.

Alia grava afero estas la stato de la aero. En ĉiu marborda loko estas kompreneble la sala tuŝo de la sanodonanta ozono, sed en iuj lokoj la aero estas varma kaj laciga, kaj tion ĉi oni nomas « malfortiga » tial ke ĝi malpliigas la energion ; en aliaj, la aero estas « energiiga », alvokanta al fizika ekzercado. La lokoj ĉe la Suda marbordo estas « malfortigaj », tiuj ĉe la Orienta marbordo, rigardantaj la freŝajn ventojn el la Norda Maro, estas « energiigaj ».

Kompreneble, la pejzaĝo de la marbordaj lokoj estas malsamaj, laŭ la situacio. Tiuj ĉe la Orienta marbordo havas platan teron ĉirkaŭ si, kaj la tiea pejzaĝo ne povas egali laŭ beleco kaj majesteco la pli montetan Okcidentan marbordon. Tamen, la Orienta marbordo havas sian propran ĉarmon — trankvilan ĉarmon — kiu, aldonita al la sanigaj ventoj kiuj blovas super ĝi, tre ŝatigas ĝin kiel libertempan lokon, kaj kvankam kelkaj homoj pensus ke ĝia pejzaĝo estas neinteresa, tamen multaj Anglaj pentristoj — notinde la fama Constable — eltiris el ĝi inspiron, kiel oni ne povas vidi en aliaj pentraĵoj. La modela pejzaĝo de tiu ĉi marbordo estus unu el malaltaj, plataj kampoj etendiĝantaj fore al hela horizonto kolorigata vespere per la beleco de la subiranta suno, dum la murmureto de la maro estas aŭdetebla. Ĉe la Orienta marbordo estas la fama fiŝurbo Yarmouth kaj ankaŭ Southend la plej proksima marborda urbo al Londono, posedanta enŝipigejon longan preskaŭ 2 mejlojn. Pli sude, ĉe la suda-orienta anguleto de Anglujo kaj plej proksime al Eŭropo estas la famaj « blankaj brutaĵoj de Anglujo », tiaj samaj kiajn Julius Cesar ekvidis kiam li surnaĝis de Gaul trans la mallarĝa markolo al la tiam nekonata lando Britujo. Tie ĉi estas la grava urbo Dover, kun ĝia haveno kaj fortikaĵoj.

La marbordaj urboj ĉe la suda bordo havas pli dolĉan klimaton kaj tre malsamaj estas iliaj ĉirkaŭaĵoj. Neniiĝis la plata larĝetenda kamparo de la Orienta marbordo malfermita al la plena forto de la marvento, kaj anstataŭe ni havas ondan kamparon kaj malgrandajn montetojn, kaj multe da arboj beligantaj la pejzaĝon. Tiu ĉi Suda bordo estas sufiĉege provizita per marbordaj libertempejoj, multe da ili tute grandaj kaj vizitataj de riĉuloj. Aliaj estas pli malgrandaj kaj pli kvietaj. La ĉefaj libertempejoj de la suda marbordo estas Brighton, Hastings (kie Vilhelmo la Normano elŝipiĝis por konkeri Anglujon en 1066) Eastbourne, Worthing, Weymouth kaj aliaj.

(Daŭrigota) E. F.

---

servoj estis gravaj. Tio estas afero ne nur de forma ĝentileco, sed de justeco.

Kiam oni uzas ŝtatan servon, oni ja ne estas devigata danki, sed la dankon, ĉu vi ĝin volas aŭ ne, la ŝtato prenas en formo de diversaj neagrablaĵoj : impostoj, taksmarkoj, aldonpagoj en plej nuancoriĉaj manieroj. U. E. A. postulas nur treege malaltan kotizaĵon kaj repagon de korespondelspezoj (1). Ĉu estus troe peti de niaj membroj, ke ili kondutu kun niaj Delegitoj iom pli afable, ol kelkaj personoj kun ŝtatoficistoj. Ili per tio montrus, ke samideaneco estas ne sole bela vorto. — H. H.

(1) Kelkaj personoj ofendiĝas de tiu regulo, dirante, ke ĝi suspektigas ilian fidindecon. Oni vidas per tiu ekzemplo, ke tia regulo estas nek superflua, nek malsaĝa.

## Parizo-Marhaveno

Tiu ideo estas tute malnova : La fama ministro de la reĝo Henriko IV, Sully pripensis pri ĝi. Poste Vauban ministro de Ludoviko XIV la sunreĝo faris projekton pri tio. Nun estas multaj projektoj por interligi Parizon kaj la maron : per Dunkerque, Boulogne, Dieppe, Rouen k. t. p.

La plej fama konata kaj la plej bone studata, kies ciferojn oni povas uzi kiel fundamenton estas ĉi tiu farita de S-ro Bouquet de la Gryé en 1886, kiu al tio dediĉis sian tutan vivon.

Malmultaj personoj pensis pri tiuj projektoj sed kiam alvenis la superakvo de la lasta jaro oni reparolis pri ĝi ĉar ili havas du celojn : pligrandiĝi la parizan kaj francan komercon, kaj rapide formeti la akvon ĝis la maro. Laŭ S-ro Bouquet de la Grye oni uzas preskaŭ tute la vojon de la rivero Seine, kiun oni profundigos de 3-20 ; la nuna profundo ĝis 6-20, permesos al 94 % de la komercaj ŝipoj alveni ĝis Parizo. Oni faros artan kanalon de Oissel ĝis Pont de l'Arche kaj de Sartrouville ĝis Bezons ; tiumaniere oni lasas konstante la fervojon de Paris ĝis le Havre maldekstre. Per tio la distanco de Rouen ĝis Paris estus 185 kilometroj anstataŭ 219 kiel nun. La larĝeco estus 35-m kaj 45-m en la kurbpartoj. Estus 4 grandaj kluzoj kiuj permesos al la ŝipoj transiri diferencojn de alteco de 6 aŭ 7 metroj. La Pariza haveno estus kompreneble ne en la urbo sed en Clichy ; aliaj havenoj estus konstruitaj en Argenteuil, Poissy-Mantes Vernon kaj Andelys.

Nun sur la rivero estas 35 pontoj ; oni farus kelkajn moveblaj kaj oni altigus la aliajn ĝis 22,50-m. La kosto de tiu projekto estus 100 ĝis 120 milionoj da Sm. Ne la ŝtato sed financa kompanio ekspluatus ĝin farante la elspezojn. La laboro daŭrus 4-5 jarojn.

La speciala parlamenta komisiono elektita en 1890 aprobis tiun projekton ; ĝi konkludis, ke ĝi ne prezentas teknikajn malfacilaĵojn. La konsilantaro de la Departemento Seine, kaj de Parizo estas tute favoraj. Sed privataj interesoj kaj malprogresemaj homoj kontraŭstaris la projekton : la nunaj boatistoj kaj la urbo Rouen timas esti ruinigataj, kio estas tute ne certa ĉar estas kredeble, ke per la sekvonta pligrandiĝo de la komercaj aferoj Rouen kaj la boatistoj gajnos pli da mono. Sed kompreneble ne en la sama maniero : ili do devus ŝanĝi siajn kutimojn. La fina rezultato estus certe fruktodona por Parizo, kaj la tuta lando, kies komerco el tio senteble pligrandiĝus.

E. Souchay (Laborkonsulo. Parizo).

MONDLITERATURO

## « Post mi », de Henry Bernstein

Mi estis preta por doni al niaj legantoj la altruditan analizon de la nova teatraĵo *Post mi* (Après moi), de la jam fama verkisto S-ro Henry Bernstein, sed jus okazas, ke tiu prezento en nia nacia teatro « Franca Komedio » naskas gravajn incidentojn, kiuj alturnas al tiu verko la internacian atenton.

En Francujo, ni havas kelkajn polemikistojn, kiuj kontraŭbatalas la hebrean agadon, sekve ankaŭ ili kredas sin pravaj kontraŭbatalante la hebrean teatron (komprenu la teatraĵojn skribitajn de la hebreoj). Jam de la unua prezento ili bruadis kaj disdonis ofendafiŝojn kontraŭ la aŭtoro, kaj lastan vendredon kelkaj politikamantoj nomitaj « camelots du roi » kondukataj de S-ro Daudet enfermis sin en teatra loĝio, kaj dum la prezento ili forflugigis kvanton de kolomboj, ludis per ĉastrumpoj, kaj disŝutis prospektojn. (1).

La policanoj estis devigataj ataki la ŝlositan loĝion. La nova verko de S-ro Bernstein estas, kiel la antaŭaj, iom sovaĝa ; tiu ĉi aŭtoro ŝajnas reprezenti la manieron perfortan kaj maldolĉan. De post lia unua verko prezentita jam de dek jaroj la talento de l'aŭtoro pli kaj pli floriĝas, kaj oni ne povas resti indiferenta pri *Post mi*. Se tiu verko estas iom kritikebla, estas precipe pro ĝia troa perfortemeco. Nur tri personoj difinas la ĉefan agadon sed ĉiu el ili donas la maksimumon de sia energio.

Mi tuj diru ke en la unua akto, aktorino, S-ino Provost prezentis sin vestitan per la jam fama « kuloto-jupo », tiu nova elpensaĵo de niaj plej famaj kudristoj. Tiu vesto, kvankam sufiĉe diskreta, estis verda-smeralda ; sed eble la viroj timis tiun novan virinan almiliton, kaj deziras konservi nur por si mem tiun nediskuteblan signon de supereco, ĉar oni aŭdis malaprobon ; la nova tualeto ne plaĉis. Eble tiu vestmaniero estus pli akceptebla por prezento pli ĝoja aŭ fantazia ol tiu de *Post mi*.

La fakto okazas en la kastelo de l'rafinisto Bourgade kie tiu grava industriisto, kiun oni kredas milionulo, kunigas kelkajn amikojn, samtempe komanditanojn, el kiuj S-ino Aloy, vidvino kun blankaj haroj, lia filo James, kaj ia kuzino Henriette, riĉa heredantino de kvar milionoj. S-ro Bourgade multe dezirus enkalkuli tiujn kvar milionojn kiel komanditon, sed F-ino Henriette ne estas plenaĝa. Bourgade volas, eĉ postulas ke S-ro James edziĝu kun F-ino Henriette kaj tion oni ne bone komprenas. Aliparte James rifuzas energie la proponitan edziĝon kaj tion ankaŭ oni ne komprenas ; sed baldaŭ la afero klariĝas. James ne volas edziĝi ĉar li amas S-inon Bourgade, belan virinon de 35 jaroj ĝis nun tre respektindan, sed tamen baldaŭ kulpan; efektive en la fino de la unua akto ni vidas ŝin fali en la brakojn de ĝia amanto, tuj kiam ili nokte restas solaj. Kaj Bourgade volas edziĝi James, ĉar li volas savi tiun amikon pro baldaŭa ruiniĝo. Efektive S-ro Bourgade malbone direktis sian aferon kaj tute pereigis la monon de siaj komanditanoj. Li scias sin kulpa kaj baldaŭ okazos trompa bankroto.

Li konfesas sian kulpon al S-ino Aloy, sed li konigas al tiu patrino sian projekton por savi ŝian bienon : Edzigi James kun F-ino Henriette, kaj tuj kiam la rafinejon oni vendos post la bankroto, ili malkare reaĉetos la industriejon kvankam ĝia valoro restos entuta. Sekve ili povos daŭrigi la industrion kaj helpi al aliaj. Por li mem, li volas sin mem mortigi.

Efektive, parolas S-ro Bourgade, se mi daŭrigas mian vivon la ĝendarmoj baldaŭ venos kapti min, mia amata edzino partoprenos en mia honto ; kontraŭe, se mi mortigos min ŝi estos helpata de la komanditanoj kaj *Post mi* ŝi povos reedziniĝi kaj honore vivadi. Tiam li prenas revolveron, li tuj ekpremas la premilon, sed la pordo malfermiĝas en la nokto. Li ekvidas Irène kiu reeniras en sian ĉambron ; laŭ la malordo de la vestoj la falantaj haroj, li subite komprenas ; efektive la kulpa virino malbone defendas sin. Ŝi konfesas sian kulpon sed rifuzas doni la nomon de sia amanto ; sed S-ro Bourgade baldaŭ tion ekscias. Tiam tiu homo tiel proksima al la memmortigo, tiu edzo, kiu plenkore deziris lasi sian vidvinon por alia nekonata edzo, plu ne kuraĝas bruligi al si la cerbon. Li ne plu volas ke *Post li* Irène apartenu al James. Iam la edziĝo de mia vidvino estis nur *io*, sed nun ĝi estus *iu*. Li foriros en la Respublikon Arĝentinan, kaj Irène, la penson sencelan, sekvos senribele sian edzon ; ili ambaŭ vivados sub alia nomo.

Oni longe diskutos tiun korpremantan dramon, dum kiu la nervoj havas nenian ripozon.

Oni multe aplaŭdas S-rinon Julia Bartet, S-ron Grand kaj la admirindan S-ron Le Bargy, — A. Carles.

INDUSTRIO

## Ekspozicio en Nanking (1)

*(Sekvo.)*

La agado direktita al ekspluatado de minejaj riĉaĵoj en Ĥinujo montras ĉiujn signojn de komenciĝanta revolucio en la ekonomia vivo de la lando. Plej grandan atenton meritas la ekspozaĵoj de ĥinaj ferfarantaj, ferfandantaj, ferformantaj kaj mekanikaj fabrikejoj, kiuj plej parte estas direktataj, de propraj ĥinaj inĝenieroj, kaj ĝiaj fabrikaĵoj frapas vian atenton kiel per la pureco de la laboro, tiel per

(1) Sekve de pli gravaj manifestadoj, la aŭtoro mem ĉesigis la ludadon de sia verko en la nacia teatro. (*Red.*).

la kvalito. Krom multego de fotografajoj de diversaj fabrikejoj, de specimenoj de diversaj mineraloj, kartoj, diagramoj, ĉi-tie ni ankaŭ trovas la fabrikajojn de la fabrikoj mem : relojn, diversajn aparatojn al fervoja konstruado maŝinpartojn kaj cetere fajrofirman brikon, betonajn tubojn, argilajn faritajojn. Precipe interesaj ŝajnas, kiel havantaj sciencan kaj klerigan signifon, la modeloj de ĥinaj minejoj en Kajping kaj Pinsjan, kiuj apartenas al « The Engineering Mining Company ». Ĉi-tiuj minejoj estas prezentataj sur granda postamento, kiu vidigas montan parton kun la konstruajoj mem sur la tersuprajo kaj ŝaktoj en la profundo de teramaso ; flanke de ĝi estas ilustrataj kolore ĉiuj tavoloj de tera ŝelo.

La konstruarto estas reprezentata per modelaj de konstruajoj laŭ Eŭropa maniero kaj per tipo de konstruajo por elementa lernejo kun ĉiuj necesaj iloj kaj pliperfektajoj en higiena rilato.

Unu modelo prezentas marbordan trabajon kontraŭ premado de akvo dum marleviĝo.

La vitra kaj porcelana fabrikadoj estas riĉe reprezentataj per specimenoj de diversaj vazoj, statuetoj kaj manĝvazaro. Ĉeestas ankaŭ kolekto de manĝilaro, faritaj laŭ la gusto de Eŭropanoj.

La vilaĝindustrio, estanta la malnova kaj preferata okupo de la ĥinoj, troviĝas en formo de plektita meblaro el bambuo kaj kano, pajlaj ĉapeloj, kartoj, kestetoj kaj ceteraj.

El aliaj objektoj de ĥina fabrikado oni povas noti la kudromaŝinon, nur iom malsaman kompare kun la Eŭropa kaj la horloĝon kiu estas speciale atentinda, pro siaj elegantaj detaloj de la laboro. Vice al la multenombra kolekto de ĥina « tuŝo » (uzata por skribado anstataŭ inko) kaj ĥinaj skribiloj, ni vidas kelkajn tipografiajn ilojn kaj tipografiajn kolorojn neniel malpli bonajn ol tiuj de Eŭropa fabrikado.

R. J. Elleder (Del. Vladivostok.)

---

IDEOJ & FAKTOJ

## « Optika Iluzio ». — Pensoj pri milito

*(Fino)*

En la plej argumenteforta kaj konvinka ĉapitro de l'unua parto de sia libro Norman Angell pruvas sep « teoremojn ».

1ª Plena ruinigo de Granda Britujo, kiel tion antaŭvidas F. Harrison, estas fizike neebla afero. En la nuna tempo neniu nacio povas por ĉiam aŭ por tempo pli aŭ malpli longa neniigi la komercon kaj industrion de l'alia nacio, ĉar ilia (industrio kaj komerco) ekzisto estas kunligata kun la naturaj riĉajoj kaj kun la loĝantaro, kiu havas la kapablon ilin progresigi. Ĝis kiam ekzistas naturaj riĉajoj de iu lando kaj ĝis kiam tie troviĝas loĝantoj, kapablaj ilin prilabori, la venkinto neniel « povas detrui la landon ». Por pereigi la komercon kaj la industrion, la venkinto devus ekstermi la loĝantojn, kio, certe, estus tute malpratika kaj, en okazo, se la venkinto efektive farus tion, li mem per siaj manoj neniigus sian propran vendejon (potencialan aŭ efektivan) ; alivorte, li farus komercan memmortigon.

2ª Se la ruinigo de Anglujo per Germanujo, kiel antaŭdiras F. Harrison, sekvigos « la pereon de la tuta imperio, de brita komerco, de kredito kaj de provizado de kvardekmiliona loĝantaro per grenoj », tiam ja same neeviteble pereus la germana kapitalo, ĉar nuntempe la financoj estas ja tute internaciaj. Pereus ankaŭ la germana kredito, kaj por ĝin restarigi Germanujo estus devigata ĉesigi tiun saman ĥaoson, kiun ĝi mem farus per sia invado kaj ruinigo. Sed ĝi ne estas ankoraŭ ĉio. En sekvo de ekstrema komplikiteco de l'financa sistemo, sin bazanta sur kredito, la venkinto en la nuna tempo ne povas konfiski tiajn proprajojn, kiel ekzemple akciojn, ŝipojn, minejojn k. t. p. ; unuvorte, nenion, kiu estus pli valora ol meblaro kaj ornamoj. La konfisko de l'valorajoj, sur kiuj estas bazita la nuntempa riĉeco de l'popolo, neeviteble malutilus al la financoj de l'venkinto. Tiamaniere, la venko de Germanujo fariĝus klasika ekzemplo de absoluta senefikeco de ekonomia almilito.

3ª En la sekvo de tiaj samaj kaŭzoj la ŝarĝado de l'popolo, apartenanta al la submetita kultura lando per milita kontribucio fariĝas tute neebla en la ekonomia rilato. Kaj kio koncernas mem kontribucion, estas tre duba afero, ĉu ĝi donos iun ajn utilon al la venkinto (ordinare ĝi estas ja uzata por la plua sinarmado).

4ª La venkinto nur tiam povas kaŭzi certan gradon de malutilo, kiel tion antaŭvidis Harrison, se li malzorgos pri sia propra intereso. Sed, tiuspeca « altruismo » ja ne ekzistas nuntempe.

5ª Ekonomie kaj fizike estas neeble, per helpo de milita subjugigo, preni en siajn manojn la eksterlandan komercon de iu alia regno. Ricevi grandan kvanton da ŝipoj ne signifas kunricevi la internacian komercon. La venkinto ne povas neniigi la komercan kaj industrian konkuradon de l'nacio, kiu estas subjugita ; ankaŭ tiam la venkitaj konkuros kun la venkintoj. Se, ekzemple, Germanujo aneksus Nederlandon, la germanaj komercistoj, same kiel antaŭe, havus grandan konkuradon de la flanko de holandaj komercistoj. Eĉ plie, la kondiĉoj fariĝos malpli bonaj por la germanaj negocistoj, ĉar la konkurantoj plu ne estas disigitaj per limimporta kordono. Eĉ unu groŝon Germanujo ne ricevus poste. La tezo, ke la komerca konkurado estas forigebla per la milito kaj la anekso de l'konkuranta lando, estas unu el plej mirindaj optikaj iluzioj.

6ª La riĉeco, bonstato kaj prospereco de iu nacio neniuokaze dependas de ĝia politika potenco. La popolamaso plej bone vivas ne en grandaj armitaj regnoj, sed en malgrandaj kulturaj landoj. La loĝantaro de Svisujo, Nederlando, Danujo kaj Svedujo estas multe pli feliĉa kaj ne portas sur siaj ŝultroj tiom grandajn impostojn, kiel rusoj, aŭ aŭstroj, aŭ eĉ francoj. Pokape la komerco de malpli grandaj regnoj estas pli alta ol tiu de grandaj landoj.

7ª Neniu nacio povas tiri iujn ajn profitojn post la anekso de britaj kolonioj. Kaj Granda Britujo, siavice, neniel fariĝas malpli riĉa post ilia perdo, kvankam en rilato sentimentala la perdo de kolonioj, certe, estus terura morala fiasko por la nacio. Verdire, la vortoj « la perdo de kolonioj » tute nebuliĝas la homajn kapojn. Granda Britujo *ne regas* la koloniojn (t. e. Aŭstralion, Kanadon kaj Sudafrikon). Fakte ili estas ja sendependaj nacioj, havantaj nur kunligon kun la metropolo, al kiu ili nek pagas tributon nek liveras profitojn (ili do estas nur vendejoj, same kiel ĉiu alia amika lando). En rilato ekonomia Anglujo eĉ gajnus, perdinte la koloniojn, ĉar ĝi ne estus tiam devigata ilin defendi. Tiamiere, — pruvas Norman Angell, — la perdo de kolonioj, kiuj ja ne estas ekonomie gravaj por la metropolo, neniel povas sekvigi la pereon de la imperio nek promalsatan morton de Anglujo. Plue, se Anglujo ne povas tiri materiajn profitojn el la kolonioj, tiam nature estas supozi, ke iu alia regno ankaŭ tiurilate ne estas pli feliĉa... La germanoj estas same malbonaj koloniigantoj kiel francoj, belgoj, hispanoj kaj portugaloj. Nune Francujo posedas grandegan kolonian imperion ; sed ĝi ja ne estas en la nuna tempo pli feliĉa ol antaŭ kvardek jaroj, kiam ĝi havis nek Tunison, nek Saharon, nek Tonkinon, nek Madagaskaron. La dependaj kolonioj en rilato ekonomia estas same malmultevaloraj, kiel la metropoloj kaj la aŭtonomiaj kolonioj. Jen estas la kaŭzo, kial neniu el kulturaj landoj de Eŭropo komencos la bankrotigan militon kun la celo aneksi la anglajn koloniojn, diras Norman Angell.

---

(1) Vidu *Esperanto* de 5 februaro.

Dum la « diamanta » jubileo de l'reĝino Viktorio, kiam sur la stratoj de Londono manifestis diversaj multnombraj reprezentantoj de la popoloj, loĝantaj en la imperio, iu almozulo diris : « Al ni apartenas Aŭstralio, Kanado, Nov-Zelando, Hindujo, Hindo-Hinujo kaj la insuloj de l'Pacifika Oceano, kaj tamen mi mortas pro malsato. Mi ne havas eĉ peceton da pano. Mi estas ano de plej granda imperio en la mondo, kaj ĉiuj popoloj envias min. Sed, kiam hieraŭ mi petis almozon ĉe unu negro, tiu simple insultis min (1). » Ĉu estas bezona pli bona pruvo de tio, ke la feliĉeco de popolo neniel dependas de l'milita potenco de la lando ?

En artikolo gazeta mi povas noti la plej ĝeneralajn tezojn de l'mirinde interesa libro de Norman Angell.

Do, kion oni devas fari ? La respondo al tiu ĉi demando ne estas tiel interesa, kiel la cetera parto de la libro. La aŭtoro pruvas, ke estas necese organizi plej larĝdimensian propagandon. Estas necese, ke ĉiuj bone komprenu la signifon de la mono kaj la meĥanismon de l'nuntempaj internaciaj interrilatoj. Kaj kiam ĉiuj komprenos, ke neniu milito, kiom ajn brila ĝi estus, liveros ion alian ol bankroton, tiam, diras la aŭtoro, la gazetoj ne sukcesos bloveksciti la fajron de ŝovinismo. — Trad. R. Mencel (Moskvo).

## Pri la historio de la Kalendaroj

Oni scias ke la dato en Ruslando diferencas de ĉiuj aliaj landoj, sed kial, multe da personoj ne scias.

Nia jarkalkulado komencas de la naskiĝo de Jesuo Kristo kaj nian tempon ni kalkulas laŭ la suna jaro t. e. laŭ tiu tempo, kiu estas necesa por la ĉirkaŭiro de la tero cirkaŭ la suno. La divido de la jaro en monatoj, semajnoj kaj tagoj, kaj la ordo de la Eklezia festoj formas la esencon de la kalendaro. Krom tio ĉi, ĝi montras la leviĝon kaj la malleviĝon de l'suno, de la luno kaj la movon de aliaj planedoj. La kalendaro dum mil jaroj submetiĝis al diversaj ŝanĝoj, ĝis la nuna formo. La antikvaj grekoj dividis la jaron en 12 monatoj, la monaton en 30 tagoj, kio faris la jaron po 360 tagoj, al kiuj fine oni kunigis ankoraŭ 5 tagojn.

La Hebreoj kalkulis sian tempon de ĉeso de babilona malliberecco kaj kalkulis la lunan jaron, kiu konsistis ĉe ili el 354 tagoj, dividitaj en 12 monatoj. Por reguligi sian jaron en akordo kun la movado de la suno, ili devis aldoni de tempo al tempo unu tutan monaton ; tiamaniere la sekvanta superjaro havis 13 monatojn aŭ 384 tagojn.

La Mahometanoj kakulas ankoraŭ nun la lunan jaron, kiu havas ĉe ili 354 aŭ 355 tagojn. Ili ne havas superjarojn, tial la komenco de la nova jaro kaj la festoj okazas ĉe ili je ĉiu tempo de la jaro.

La antikvaj Romanoj komence kalkulis ankaŭ la lunan jaron kaj dividis ĝin en 10 monatoj. Ilia jaro (304 tagoj) komenciĝis de marto kaj finiĝis en decembro.

En jaro 1713 antaŭ J. K. oni aldonis ankoraŭ al ĝi 2 monatojn ; Januaro kaj Februaro, tiamaniere la jaro konsistis el 12 monatoj aŭ 355 tagoj. Poste oni aldonis ankoraŭ 10 tagojn, tiel ke la jaro havis 365 tagojn ; ĉar la tempo de la ĉirkaŭiro de la tero ĉirkaŭ la suno estas 365 tagoj, 5 horoj, 48 minutoj kaj 45 sekundoj, tiel la komenco de ĉiu jaro ĉe la Romanoj iom post iom malfruis je la montrado de la suno ; tio kaŭzas grandan halton de la iro de la civilaj aferoj.

Por prezenti tion pli klare, ni supozu ke tiu jarkalkulado daŭras ankoraŭ. Tion ĉi akceptante, ni vidas ke ekzemple la somera ekvinokso, kiu estas ordinare la 21-an de junio post 8 jaroj estas la 23-a de k. t. p. Post 124 jaroj ĝi foriras tiel malproksime, ke la nova jaro estas la 1-a de Julio kaj la mezo de la somero falas en la tempo de Kristnasko.

Por malhelpi tiun ĉi maloportunaĵon, Julio Cezaro, en la 46-a jaro antaŭ J.K. ordonis aldoni tutan tagon al la kvara jaro nomata superjaro, kiu havas 366 tagojn. Tia jarkalkulado nomita Juliana, estis kutime uzata ĉirkaŭe 16 centjarojn.

Sed ĝi ne estis ankaŭ tute konforma kun la reala jaro. Antaŭ la plibonigo de Julio Cezaro, la jaro estis malpli longa sed post tiu plibonigo ĝi estis pli longa je 11 minutoj kaj 15 sekundoj, kio en 400 jaroj faros 3 tagojn.

En la jaro 1582 post J. K. la diferenco atingis 10 tagojn, tiamaniere la komenco de la printempo devus esti ne je la 21-a, sed la 11-a de marto.

Tial papo Gregorio XIII en sama jaro ordonis kalkuli post la 4-a de oktobro la sekvantan tagan, la 15-a de oktobro kaj decidis ankaŭ nomi superjaro tiun ĉi jaron, kiu estas dividebla per 4. Tial la jaroj 1860, 64, 68, k. t. p. estas superjaroj.

Por forpreni la 3 superfluajn tagojn dum 400 jaroj, li ordonis nomi superjaroj el la jarcentaj jaroj nur tiajn cenjarojn divideblajn per 4.

Ekzemple : 1.600-superjaro, sed 1.800-ordinara. Tian jarkalkuladon oni nomas Gregoria Ĝi estas akceptita de ĉiuj Eŭropaj ŝtatoj, krom Rusujo kaj Grekujo, kie oni uzas la Julianan kalenderon. Eĉ Turkujo uzas la Gregorian kalkuladon.

La diferenco inter ambaŭ jarkalkuladoj kiuj ordinare nomiĝis la nova kaj la malnova stilo, faras en la nuna centjaro jam 13 tagojn. Tiamaniere kiam Rusujo kaj Grekujo havas la 1-an de Januaro, en Francujo, Germanujo kaj en ĉiuj Europaj ŝtatoj oni havas la 14-a.

La Printempa ekvinokso estas en Rusujo la 9-a de marto sed tie, la 21-a de marto. Post 400 jaroj tiu ĉi diferenco estos ankoraŭ 4 tagoj plie.

S. Matard (Nice).

### NOTOJ

La *eŭropea aviada rondflugado* okazos de la 4ª ĝis la fino de junio. La aeroplanoj devos trapasi la urbojn Parizo, Liège, Berlino, Utrecht, Bruxelles, Londono, Parizo.

En Anglujo oni entuziasme preparas ilian alvenon kiu okazos kelkajn tagojn antaŭ la kronado de Georgo la Vª, fiksita la 22 junio. En Belgujo kaj Germanujo la ideo de tiu konkurso estis tre favore akceptita kaj la urbo Hannover voĉdonis por ĝi 25.000 Sm. *(Le Journal).*

. .

De *Marto ĝis julio*, ekspozicio de portretaro en Firenze.

*6 aprilo.* — Malfermo de la internacia kongreso de filozofio en Bologna.

*17 aprilo.* — En Stattford-on-Avon, Anglujo, grandaj internaciaj festoj je honoro de Shakespeare. Por informoj sin turni al la Del. de Coventry kaj Birmingham. — J. W. H. kaj W. S.

# Al niaj abonantoj

**Ni petas ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono : 2,50 Sm.).**
**La abonoj komenciĝas de la Iª de ĉiu monato.**

(1) « The Great Illusion », p. 40.

# ○ LITERATURA PAĜO ○

## TRA
LA
## ESPERANTA LITERATURO

Mi petas la legantojn, ke ili volu min senkulpigi, se iam post iam mi enkondukas en tiun *literaturan* rubrikon la ekzamenon de sciencaj verkoj aŭ *ludiloj*. Ĉar mi tute ne estas matematikisto, mi turnis min al unu el miaj kolegoj, kiu bonvolis verki la sekvantan noteton pri la bonega *Inicilo* de S-ro J. Camescasse.

. .
.

« **Inicilo matematika.** — La Inicilo matematika de J. Camescasse (elp. Kameskas) (1) estas *scienca ludilo* konsistanta el unu kesteto entenanta : 1e 600 blankajn kaj 600 ruĝajn kubetojn, el kiuj ĉiu havas unu centimetron de eĝa longo ; 2e 144 ŝtalajn vergetojn por kunteni la kunmetitajn kubetojn ; 3e 1 broŝureton (esperante aŭ france redaktitan, kun pluraj klarigaj desegnaĵoj.

La *Arithmétique du Grand Papa* (Aritmetiko de la Avo) de la famekonata publicisto Jean Macé, la *Education fondée sur la Science* (Edukado bazita sur la Scienco) kaj la *Iniciation Mathématique* (Inicado matematika) de l'eminenta matematikisto C.-A. Laisant, estas tri verkoj disvolvantaj tiun gravan principon, ke ĉiu instruado devas posedi objektivecon kaj esti *perobjekta* por esti plene kaj saĝe edukpova. La sciencoj. ne esceptante la matematikajn, estis en la komenco nur eksperimentaj, eĉ empiriaj ; sekve oni devas, por ilin lerni, deiri de l'eksperimento, kiel procedis la homa spirito por ilin formi kaj elpensi.

La *Inicilo matematika* perfekte taŭgas por alloga kaj facila ekpraktiko, en lernejo kaj en familio, de la metodoj laŭdegitaj de J. Macé kaj Laisant por konkretigi la matematikan sciencon.

Komencante, la knabeto posedanta la kesteton de S-ro Camescasse rapidiĝos fari la kvadratojn, mozaikojn kaj objektojn, kies desegnaĵojn li vidos en la broŝureto. Lia eltrovema spirito al li inspiros aliajn kombinojn, kaj li plezuros manlaboradi por realigi, kion li estos elpensinta.

Iom pli malfrue, oni instruos tiun ekan matematikiston pri la dekuma nombrado kaj la metra sistemo. Metante al lia dispono tiom da kubetoj kiom da fingroj li havas, oni igos lin kunmeti *unu, du.. dek.* aĵojn, kio estos pli bona ol lernigi parkere la abstraktaĵojn *unu, du... dek.* La *centon*, poste la *milon* li realigos pli malfrue. Kiam li estos manfarinta la kvadratan kaj la kuban decimetron, li scios (tion elvidante), ke, se 1 decimetro valoras 10 centimetrojn, 1 kvadrata decimetro kaj unu kuba decimetro valoras, ne 10, sed 100 kvadratajn kaj 1000 kubajn, centimetrojn.

Al la iama bubeto faringinta lernanto, eĉ studento, la kubetoj utilos por materiigi la aritmetikajn kalkulojn. Ilin uzante, li sukcesos ankaŭ konkretigi multajn teoremojn. Ekzemple, per konvena kunigado de la surfacaj aŭ volumenaj kunmetaĵoj, li materie evidentigos la ekzaktecon de la formuloj $(a + b)^2 = a^2 + 2ab + b^2$ kaj $(a + b)^3 = a^3 + 3a^2b + 3ab^2 + b^3$ ; tiam klare al li elvidiĝos la proceduj por elradiki la kvadratajn kaj kubajn radikojn ; samtempe, je geometria vidpunkto, la ampleksaj rilatoj laŭ du aŭ tri dimensioj, kiujn tradukas tiuj formuloj, fariĝos al li *videblaj* kaj *palpeblaj* realaĵoj.

Ni opinias, ke la Matematiko, fundamento de ĉiuj sciencoj povas, sendepende de ĝia praktika flanko, ludi plej edukan rolon en la formado de l'spirito kaj karaktero de la infanoj. Pro tio ni varme rekomendas al niaj ĉiulandaj legantoj la *Inicilon* al tiu scienco de S-ro J, Camescasse. »

(1) Paris, librajo Hachette, Prezo : Sm. 4,8. — S-ro Camescasse 1 *bis* rue Lallier, Paris (9e), korespondas per Esperanto.

. .
.

C. Aymonier, E. Grosjean-Maupin. — Cours méthodique d'Esperanto. **Corrigé des thèmes.** Prezo : Sm. 0,48 (Hachette, Paris).

Tiu lernolibro estas *bonega* laŭ nur gramatika vidpunkto, kaj mi estus ĝoja se mi povus ĝin rekomendi plenkonfide kaj senrezerve al la profesoroj kaj lernantoj de Esperanto. Sed mi kutimas esprimi en ĉi-tiuj recenzoj mian sinceran opinion. Sekve mi malkaŝe bedaŭros, ke la aŭtoroj tro facilanime enkondukis en *lernolibron* multajn vortojn aŭ formojn ne *klasikajn*, t. e. ne sankciitajn per la *komuna bona uzado*. Se plej grandan respekton oni ŝuldas al infano, ĉu la lernanto ankaŭ ne meritas egalan respekton ? Ĉu la riĉigemuloj estas pravaj kaj lojalaj subtrudante al novicaj konfidemaj esperantistoj personajn aŭ malkomunajn opiniojn kaj gustojn ? Agante tiamaniere, oni maltrankviligas la novevarbitajn, malordigas niajn vicojn kaj malutilas nian propagandon.

Ekzemple, ĉu *en lernolibro* oni rajtas uzi tiajn malofte renkontitajn vortojn : 1e *dementa* (freneza), *tenera* (amema), *impetua* (rapidega), *rufa* (flavruĝa), *ŝtormo* (ventego), *roman(t)o, splendida* (belega). *konkvesti* (almiliti), *sakra* (sankta), *sublima* (altega, ravega)... ?

2e Vortojn, kiujn S-ro Grosjean-Maupin mem ekzilis en la aldonon de sia *kompleta* vortaro : *solivo* (trabo), *e(k)skuzi* (senkulpigi), *sekura, forĉi. ŝedo...*?

3e Senutilajn, ofte malutilajn *mis, iz, oz, iv* ?

Mi ankaŭ rimarkis *repari* (ripari), *brizo* (*venteto* laŭ S-ro Aymonier, *kreskaĵo* laŭ S-ro G. M. !), *genisto* (stipo), *aristo* (eĝo), *borduri*, p. 44 (borderi), *prato*, p. 44 (herbejo) ne trovebla en la *kompleta* vortaro ; ŝoko (ekpuŝo, pepio p. 68 (pepado), pulvoro, p. 73 (pulvo), fojro, p. 83 foiro), pruntedonis, p. 5 (prunteprenis), provo, p. 11 (pruvo).

Mi supozas, ke la kvin lastaj estas pres-aŭ skrib-eraroj.

*Aliaj ricevitaj verkoj :*

*La Aventuroj de Alicio en Mirlando* de Levis Carrol, tradukita de E. L. Kearney (ilustrita) — British Esperanto Association. Prezo : 0,60 Sm.

La originalo ricevis grandan sukceson en Anglujo, pro ĝia iom stranga spriteco. La traduko estas tre bona kaj la verko tute rekomendinda.

*Sonĝo de Scipio* (somnium Scipionis) esperantigita de S-ro Runeberg, Helsingforso, Ilarejo esperantista : 10 Sd.

*Amoro kaj Psihe*, de Lucius Apulejus, trad. Emilo Pfeffer. Berlin, Mœller kaj Borel, Prezo 0,20 Sm.

Bonaj tradukoj de du famaj verkoj de la latina literaturo.

*Du noveloj* el Maŭro Jokai, el la hungara lingvo trad. Johano de Luczenbacher. Presa esperantista societo. Prezo : Sm. 0,50.

Jen vera juvelo de nia esperanta literaturo. La du noveloj (*la Edzino de l'falinto* kaj *Pola rakonto*) estas treege interesaj, viglaj, dramecaj kaj memorigas la manieron de la fama Aleksandro Dumas. La stilo de la traduko estas perfekta. La tradukisto lerte kaj prave evitas la neologismojn kaj uzas tiun bonan, neafektan, nepedantan, sed tamen simplan, klaran, naturan stilon, kiun mi tiel ŝatas en la plej altvaloraj verkoj de nia literaturo. Ĉiuj grupaj bibliotekoj nepre devas enhavi tiun ĉarman bone presitan libron.

Mi ricevis ankaŭ lastempe *Kaatje, Formortinta Delsuno, Genezo, la Elementoj kaj la vortfarado.* Nun pluvegas la esperantaj eldonaĵoj kaj la malfeliĉaj recenzistoj ekdronas !

Tiujn lastajn verkojn mi detale priparolos en mia venonta recenzo.

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10**a *kaj* **25**a *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintajo. (Red).*

**Novajoj el la Distriktoj**. — *Nederlando*. — La klubo de Nieuwe-Niedorp bone iraskaj la lernantoj rapide progresas. Nia lingvo disvastiĝas en la apudaj vilaĝoj. — C. V.

*Urugvajo*. — Antaŭ ok monatoj estis starigata librejo « Esperanto », kies celo estas propagando ; ĝi taŭgas kiel Esp. Ofic. kaj liveras ĉiajn informojn. Multaj personoj ekinteresiĝas pri nia afero ; U. E. A. iom post iom progresas tie. — P. V. I.

*Orienta Bohemujo*. — Tre ageme laboras niaj samideanoj en tiu landparto, kie jam esperantistaj societoj ekzistos en multaj lokoj, speciale en *Chrudin Pardubice*, k. a. La instruado de la lingvo estas multe faciligata per eldonado de bonaj lernolibroj nome, *unua lernolibro bohema de Esperanto, Esperanto facile kaj funde en 20 horoj, Esperanto en duono da tago* k. a.

La internan ideon de Esperantismo oni ankaŭ p'ej fervore propagandas per grandaj festoj kaj ekskursoj, kiel okazis antaŭ nelonge en *Nasavrky. Pardubice*, kaj baldaŭ okazos en *Kr. Hradec*. — K. K.

**Novaj grupoj kaj Societoj**. — En *Montevideo*, « Esperanta Asocio Semo ». — P. V. I.

En *Usono* fondiĝis la « Usona Asocio Esperanta » al kiu jam aliĝis kelkaj centoj da Esp.-Komitato : B. F, Schubert, prez. ; Ia vic-prez. F. E. Daigneau ; 2a Vic-prez., Dr A. Rudy ; 3a Vic-prez. Dr Warren Sherwood ; kasisto S-ro F. G. Morin ; Sekr. J. Howard Pearson, Decorah (Iowa). — B. F. S.

En *Grasse* (Francujo) post parolado de nia Del. en Nice. J. M.

En *Parizo*, 2 sekcioj de la Pariza Grupo (la 23 febr. en la 15a arond. kaj la 6. marto la sekcio « Paris-Bastille »).

**Novaj kursoj**. — En *Blagoveŝĉenk* s/Amur, (Siberio) 60 lern., instr. : S-ro A. Borisov. — A. B.

En *Montevideo* (Urugvajo), du kursoj organiz. de « Semo ». P. V. I.

En *Namur* (Belgujo), 45 lernantoj, instr. A. Verbeken. — A. V.

En *Firenze* (Ital.) 3 kursoj : elementa de S-ro Castagni-Lelli ; elementa kaj supera de S-ro L. Scarselli. — L. S.

En *Grasse* (Franc.) 2 kursoj komenciĝis la 2an de marto. J. M.

En *Privoz*, Prof. S-ro instruisto B. Tomis.

En *Zabreh* s/Odra 1 kurso por plenaĝuloj ; 1 por la lernantinoj de la burĝa lernejo.

En *Hyères* (Franc.) kurso direktata de Del. G. Nallet. — G. N.

**Kunvenoj kaj festoj**. — La *4an de Feb*., la esp. grupo « Unua Kongreso » organizis feston kun esp. koncerto, deklamajoj kaj du komedioj ( « Edziĝo per telefono » kaj « De ses monatoj ») Inter la multaj ĉeestantoj estis S-ro Farjon, prez. de la komerca Ĉambro kaj nova esp-isto. S-ro Derveaux, vic-prez., parolis pri la ideo organizi la kongreson de 1915 ree en Boulogne s/mer.

La *25an de Feb*., propaganda festo en la sekcio de la 20a arond. de la Pariza grupo. Esperanta koncerto kaj parolado de S-ro G. Chavet. — G. C.

La *16an de Marto*. — La Samosa Esperanta Societo donis sian ĉiujaran balon sub la alta protekto de iliaj geprincaj moŝtoj la princo reganto kaj la princino de Samos. — S.

**Paroladoj**. — En *Düsseldorf* (Germ.) Del. Tarnov parolis ĉe la komerca Unuiĝo pri « Esp. kaj la komercistoj » ; baldaŭ sekvos kurso. — L.

En *Hull* (Angl.) S-ro A. E. Coroburn, ĉe la Instituto por Junuloj. — A. E. C.

En *Trieste*, D-ro Ghez parolis pri U. E. A. ĉe la Ligo de la Instruistoj, ĉe la Akademia rondo de Studentoj, ĉe la popola Universitato. — V. P.

## OKAZONTAĴOJ

*Internaciaj Ekspozicioj de Roma kaj Torino*. — La Centra oficejo, rue de Clichy, 51, Parizo, kiu zorgas pri la organizado de *esp. sekcio* dum tiuj du gravegaj Ekspozicioj petas ĉiulandajn samid., ke ili bonvolu sendi al tiu adreso ĉiujn librojn, gazetojn, poŝtkartojn aŭ aliajn dokumentojn pri nia afero.

*25 Marto*. — Ĉiujara festo de la grupo *Le Creusot*, Franc. — D.

*26 Marto*. — Festeno en *Nice* (Franc.) — J. M.

*1 apr. — 20 junio 1911*, en *Berlin* ekspozicio esp. estos aranĝata en la *Internacia Ekspozicio por vojaĝa kaj fremdula interrilatoj*. — O. F.

*2 apr*. — En *Taverny* kaj *St-Leu* (S.-etO. Franc.) propagfesto kun parolado de S-ro C. Bourlet. — E. A.

*3-7 apr*. — Vojaĝo de la studenta orfeono de la Universitato *Coïmbra* (Portugal.) al Parizo kaj eble Bruxelles. Kun ili estos famaj portugalaj intelektuloj kiuj faros paroladojn pri portugala vivo, kaj kelkaj esp. studentoj kiuj vizitos la samideanojn de la trapasotaj urboj. — E. E.

*16 Apr*. — II-a Tutaŭstria Esperanto-Tago en *Praha*.

*17 apr*. — Festeno en *Monaco* ; je la 10a matene esper. meso de abato Pichot. — J. M.

*Aprilo*. — Ekspozicio en *Roubaix* ; la esp. grupo partoprenos. C. D.

*21-23 Aprilo*. — En *Lyon*, nacia kongreso de la S. F. P. E. ; regiona kongreso de la Esp. Rodana Federacio. — G. P.

*1 majo — mezo de julio*, okazos en *Krefeld* (Rhejnlando) Germanujo, enhavoriĉa ekspozicio metia, industria kaj artmetia. La Delegito, S-ro Bœrgermann (Oberstrasse 72) insiste petas ke oni sendu al li malgrandajn objektojn metiajn kaj artmetiajn el ĉiuj landoj por ekspozi sub la aŭspicioj de U. E. A. — S. B.

*21 majo*. — En *Saint-Denis*, kongreso de la Federacio de la Pariza regiono ; distrikta kunveno de U. E. A. — G. C.

*4-5 junio*. — En *Limoges*, 2a kongreso de la Sudokcid. Federacio, sub la honora prezidanteco de S-roj Dantony, urbestro de Limoges, kaj Th. Cart, prezid. de la S. F. P. E. — E.

*4-7 junio*. — 6a *Germana Esperanto kongreso*, en *Lübeck*. — Sabaton antaŭkongreso en *Hamburg*, ekzamenoj kaj salutkunveno. — Dimanĉon : gvidado tra la urbo, haveno, bestejo de Hagenbeck. Propaganda parolado por la abstinenculoj kiuj havas samtempe sian internacian Kongreson. Vespere, komuna vojaĝo al Lübeck. — Lundon : solena malfermo de l'Kongreso, kunsidoj de la Germ. Fed. de junaj Esp., de Germ. Instruista Esp.-Unuiĝo k.-c.; festmanĝo en urbdoma kelo, biervespero. — Mardon : Kunsidoj, orgena koncerto en preĝejo, teatra prezentado aŭ ĝardenfesto. — Merkredon : debatoj pri la temo : Esperanto en la lernejo, posttagmeze al Travemünde, promenado sur la maro kaj dancado je la marbordo. — Postkongresaj ekskursoj en la ĉirkaŭajon kaj al Kiel. — E. J.

*Julio*. — En *Pribor* (Moravio, Aŭstrio) Distr. Ekspozicio kun esp. fako.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *La Sepa*. Ĝis nun aliĝis 455 personoj (124 belgoj, 116 angloj, 90 francoj, 66 germanoj). La 20 kaj 27 Aŭgusto estos farataj katolikaj diservoj kun esperanta prediko. La nomoj de la predikontoj ne estas ankoraŭ konataj.

La 20 okazos protestanta diservo farata de S-ro P-ro Grriethuysen ; la 27 angla diservo de P-ro Rust. Dum marto aperos cirkulero kun detaloj pri loĝado, hoteloj, literaturaj konkursoj, k. t. p. — B. E.

.˙. *Dum la kronfestoj*. Nia Londona Del. petas ĉiujn Esperantianojn, kiuj intencas viziti Londonon dum la festoj de la Reĝa kronado kaj la Ekspozicio, ke ili avizu lin plej baldaŭ, ĉar Londono estos tre premata de majo ĝis oktobro. La Del. faros aranĝojn por ke iu vizitonta Londonon povu akiri tre malkaran fidindan gvidiston, kompreneble Esp., kiu ĉirkaŭmontros ĉion vidindan. Aliparte, la pensiono de D-ro O'Connor, Esp-ia Entrepreno, donos al la Centra Kaso de U. E. A. 5 0/0 el la enspezoj de Esp-ianoj restontaj ĉe ĝimitinda ekzemplo. — F. K.

.˙. *Tra Bosnio kaj Herzegovino*. Sub tiu titolo aperis belega Esperanta gvidlibro, eldonita de la Bosnia Stelo. Tiu vere luksa eldonaĵo enhavas interesajn informojn pri tiu ankoraŭ ne multe konata, sed multe koninda lando, kaj serion de tre belaj ilustraĵoj pri la plej pentrindaj lokoj. Ni varme rekomendas tiun gvidlibron al niaj membroj kaj speciale al la Del. kaj turismaj konsuloj. Prezo : 2 respondkuponoj, ĉe S-ro J. Schwarz, del'U. E. A., Eisenbahn-adjunkt, Sarajevo (Bosnio).

.˙. Esperanto estos reprezentata ĉe la Internaciaj ekspozicioj de Torino kaj Romo. — O. G.

.˙. *Gvidlibro de Hyères*. Responde al artikolo aperinta en lasta N°, S-ro Nallet, K. K. en Hyères, ricevis multajn p. kartojn petantajn informojn pri Hyères kaj ĝia flora komerco. Ili estis ekspozataj ĉe konata komercisto kaj vekis grandan intereson. La Del. baldaŭ eldonos belan ilustr. gvidlibron de 20 paĝoj, disdonotan per la reklama servo de U. E. A. ; 1 paĝo, redaktata en diversaj lingvoj, traktos pri la utileco de Esp. por reklamo. (Por anoncoj sin turni al S-ro Nallet, 13, cours Burlières, Hyères, Var, Franc.).

## TRA LA GAZETARO

.˙. *Lingvo Internacia*. Lingvo vivanta (Th. Cart.):

.˙. Nia lingvo vivas. Sed tial ke ĝi vivas, ĝin oni ne rajtas konsideri kiel iau maŝinon, kies diversaj pecoj kaj partoj estas lauvole ŝanĝeblaj aŭ eĉ forigeblaj. Kun respekto, kun pia respekto, ni devas ĝin trakti ne nur ĉar, internacie komuna lingvo, ĝi estas propra apartaĵo de neniu nacio, de neniu eĉ plej lerta, plej scienca personaro aŭ persono, sed ankaŭ pro tiu speciala delikateco, kiau ĝi ŝuldas al sia viveco mem... ».

Daŭrigo de la polemiko pri la vortaro Grosjean-Maupin. Interesaj pensoj de la dana kristikisto Brandes pri ŝovinismo.

.˙. *Germana Esperantisto*. Okaze de lastatempaj diskutoj, S-ro J. Borel ekzamenas, ĉu oni ne povus agi tiel ke oni donu al vortaristoj la eblecon aperigi neriproĉeblajn verkojn. Sekve de artikolo pri « Paco », polemiko inter la redakcio de G. E. kaj S-ro Couturat.

.˙. *Sveda Esperantisto* ĉesas aperi sekve de la eliro de *Esperanto-Folket*. Tiu ĉi lasta gazeto, svede redaktata, estas presata je granda nombro de ekz. kaj ĉie trovebla. Jam bonaj rezultatoj estas atingitaj.

.˙. Favoraj artikoloj en : *Il Lavoro* (Genova, 21 febr.) A. S.; *La Lima* (San Remo, 19 feb.) L. L. ; tre longa artikolo de S-ro P. C. Monti en *Il Risveglio* (Pavia, 23 febr.) P. C. M.

.˙. *Oficiala Gazeto* publikigas tre energian proteston de D-ro Zamenhof kontraŭ malnoblaj kalumnioj (Idistaj), pretendantaj ke Esperanto estas la monopolo de firmo Hachette, ke la aŭtoro de Esperanto estas mistere ligita kun la dirita firmo ktp. Li klarigas, ke la « mistera » kontrakto konsistas sole en tio, ke siajn personajn librojn (ne gazetajn artikolojn aŭ ion similan, sed ekskluzive nur librojn) li promesis publikigi ĉiam per la firmo Hachette. Kiel al ĉiu alia aŭtoro, Hachette pagas al li nur por liaj personaj verkoj, sed neniam li ricevis ian pagon pro alia verko ne surhavanta lian nomon.

« Miaj kontraŭuloj scias tre bone, ke se mi volus aliĝi al la reformistoj, ne sole neniu kaj nenio povus min malhelpi, sed mia situacio tiam estus multe pli bona, ol nun. Se ili, ĉion sciante, tamen rakontas al la mondo, ke mia sintenado en la reforma afero estas kaŭzita de mia « ligiteco kun la firmo Hachette », ilin juĝu ilia propra konscienco ».

En la sama n°, propono de D-ro Z. pri aldono al la Regularo de la Esp. Kongresoj. Laŭ ĝi, havas voĉdonrajton en la Kongreso nur la delegitoj de la Esp. grupoj, t. e. la personoj prezentintaj leteron, kiun, en la nomo de la grupo, subskribis ĝia prezidanto kaj ne malpli ol 25 membroj.

.˙. *La Revuo*. Daŭrigo de la polemikoj Bourlet-Cart. Respondoj de S-ro Grosjean-Maupin al atakoj kontraŭ la de li publikigita vortaro. En Deklaro S-ro C. Bourlet konigas, ke D-ro Zamenhof neniel sin okupas pri la « kolekto de la Revuo », nek estas sciigita pri ĉio alia, kio estas presita en tiu gazeto.

.˙. *Ardena Stelo* aperas nun presite, kiel monata revueto de la Ardenaj kaj nord-orientaj landoj de Francujo.

---

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Diversaj avizoj.**

.˙. Ni petas la Del., kiuj tion ankoraŭ ne faris, ke ili bonvolu kiel eble plej rapide resendi al ni la respondilon al Oficiala Bulteno N° (*Statistiko de servoj dum 1910*). Ni jam ricevis grandan nombron de ili, sed por ke nia statistiko estu kiel eble plej ĝusta kaj kompleta, ni ricevu respondojn de ĉiuj, eĉ se la nombroj liverotaj estas malgrandaj.

.˙. La *I^a^ Aldono al la Oficiala Jarlibro* estos mendebla de la I. Aprilo. Ĝi enhavos la liston de la novaj Del., novaj Entreprenoj, ŝanĝoj, k. t. p. de la apero de la Jarlibro ĝis la I. Marto. Prezo : 10 Sd. (I respondkupono).

.˙. Ni petas la diversajn Distriktajn Delegitojn, kiuj funkciigas en sia distrikto *rondirantan kajeron*, ke ili bonvolu ĝin sendi al la Centra Oficejo de U. E. A. post la dua rondiro. En la ceteraj distriktoj ni insiste petas, ke la DD. rondirigu tian kajeron, necesan por pli intima interkonatiĝo de la Del.

**Statistiko.** — Jen la *movado de la korespondaĵoj* dum la monato *februaro*.

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1440 | 1802 | 256 |

Tuta sumo : 3,498 (sen la Jarlibroj). Antaŭa Monato : 3,232.

**Laborista Komisiono.**

Laborista Komisiono, kies celo estas prepari la taskon de la nova Labora fako de U. E. A. kaj studadi ĉiujn demandojn interesantajn la Esperantianojn laboristojn, estas en fondado. La Esp-ianoj, kiuj interesiĝas pri tiaj demandoj kaj volonte partoprenus en la laboroj de la dirita komisiono, estas petataj plej baldaŭ sin konigi al ni.

La membroj de tiu nova Komisiono interrilatos per rondiranta kajero. — La direktoro.

# 2ª Kongreso de U. E. A.

**Antverpeno — 26-30 Aŭgusto 1911**

La dato de nia 2ª Kongreso estas definitive fiksita de sabato 26 ĝis merkredo 30 Aŭgusto 1911, do tuj *post* la 7ª Universala Kongreso de Esperanto. Jam de nun, nia kongreso estas certigita pri taŭgaj kunvenejoj kaj samideana bonakcepto. Ni esperas, ke kiel eble plej multaj el niaj membroj partoprenos en nia 2ª kongreso kaj plej baldaŭ mendos sian kongreskarton.

Jen la *provizora* kongresa programo :

*Sabato 26 vespere.* — Solena malfermo de la kongreso, kun ĉeesto de D-ro Zamenof. Diversaj propagandaj paroladoj.

*Dimanĉo 27.* — Libera tago. Laŭvolaj promenoj kaj kunvenoj.

*Lundo 28.* Matene : Ĝenerala raporto pri la jara agado de U. E. A. Raporto de la Direktoro. Ptmeze : Financa fako. Buĝeto por 1912. Diskutado.

Vespere : Granda festeno. Vesperfesto.

*Mardo 29.* — Matene : Komerca fako. Diversaj raportoj, Diskutado.

Ptmeze : Turisma fako. Junuloj kaj Studentoj. Laboro- Diversaj raportoj. Diskutado.

*Merkredo 30.* — Matene : Internacia Vivo.

Diversaj raportoj pri temoj koncernantaj la plifaciligon de la internaciaj rilatoj.

Ptmeze : Solena fermo de la kongreso.

*Jaŭdo 31.* — Ekskursoj kun la partoprenantoj de la 7ª kongreso de Esperanto.

Ni donos pluajn detalojn pri la kongresa programo en niaj venontaj N-oj.

Ni rememorigas, ke povas partopreni en nia kongreso ĉiuj Esperantianoj pagintaj sian kotizajon par 1911.

Rilate al la laboro de la kongreso, ni atentigas pri la jenaj ekstraktoj de la Kongresa Regularo :

§ 4. — Havas la rajton prezenti proponon al la kongreso ĉiu Esperantiano, membro aŭ Delegito, ĉiu Esperantia Entrepreno aŭ Asocio (per Esperantiano rajtigita de ĝi), ĉiu komitatano aŭ la komitato mem, sub la jenaj kondiĉoj. Ĉiu propono devos konsisti el raporto de 2.000 vortoj maksimume. Tiu raporto klarigos la staton de la demando, formulos la proponon kun la necesaj praktikaj detaloj kaj finiĝos per deziresprimo pri kiu voĉdonos la kongreso.

§ 5. — Ĉiu propono, subskribita de la proponinto, estos komunikata al la Centra Oficejo de U. E. A., almenaŭ 60 tagojn antaŭ la malfermo de la kongreso. Preter tiu tempolimo nenia propono povos esti submetata al la kongreso.

Sekve de tio la lasta tempolimo estas la 25 *Junio*. Sed ni petas, ke ĉiuj Esp-ianoj, kiuj intencas prezenti ian ajn proponon aŭ raporton al nia kongreso, bonvolu ĝin sendi *kiel eble plej baldaŭ*, tiel ke ni povu ĝin zorge antaŭekzameni, se necese per speciala komisiono. Kiel la lastan jaron, ĉiu propono estos antaŭe presata kaj raporto donata al ĉiu kongresano.

La kongreskotizaĵo rajtiganta al ĉeestado je ĉiuj kunvenoj kaj ricevado de la kongresa Dokumentaro estas *nur 2 Sm.*

La personoj, kiuj ne povas ĉeesti la kongreson, povos fariĝi *helpkongresanoj* pagante *1 Sm.* Ili ricevos senpage la *kongresan dokumentaron* kaj kongresrememorajojn.

Oni bonvolu *mendi plej rapide* sian *Kongreskarton* aŭ *helpkongresan karton.*

**Novaj Del., Subdel. aŭ Vicdel.**

Bergamo (Italujo). — Umberto Messi, oficisto, Banque Commerciale.

Cebu (Azio, Filipinoj). — Nicomedes Escribano, prof., Box 140. Colegio de San Carlas.

Chrudim (Aŭstrio, Bohem.). — K. Kudna.

Creil (Franc., Oise). — Albert Michon, inĝ. ĉe la Société Industrielle (Subdel.).

Everett (Usono, Wash.). — Frank, P. Zent, Custom House.

Holmfirth (Angl.). — Parker, 21, Victoria Str.

Ivanovice-sur-Hana (Aŭstrio, Moravio). — Fran. Kupka, uĉitel (Vicdel.).

Kemi (Rus., Finnlando). — A. Korpelainen, komercisto.

London (Angl.). — A.-D. Peck « Watton » Cotford Rd, Thoronton, Heath (Subdel.).

Luzern (Svisujo). — F-ino Louisa Erasmi (Vicdel.).

Manchester (Usono, New-Hampshire). — Edourd G. Burnham, 269, Walennt Str.

Nünchen-Gladbach. — E. Grischow, Apotekisto « Adler-Apotheke ».

Nogent-sur-Oise (Franc., Oise). — Fernand Rodde, 107, rue de Bouvillers.

Poissons (Francujo, S.-et-L.). — F-ino Moine, instruistino.

Portland (Usono, Oregon). — H. Denlinger, 1,445, Garfield, Ave.

Port-sur-Saône (Franc., Bourgogne). — Ch. Charvolin (Subdel.).

Posen (German.). — A -M. v. Braŭn, Kopernikusstr., 4.

Praskaĉka (Aŭstrio, Bohem.). — F-ino Bonjo Dolanska.

Saint-Maur-des-Fossés (Franc., Seine). — Louis Oblin, Avenue des Piliers, 52, La Varenne.

Utopia (Usono, Florida). — C.-J.-M. Clements, poŝtoficisto.

Zürich (Svisujo). — D. Wanneck, Predigerplatz, 18 (Vicdel.).

**Ŝanĝoj.**

Baku : La Del. loĝas nun, P. V. Piĉugin, Pozenavskaja, 22. — Bromberg : La Subdel. estas nun, S-ro Szymanovski, Werderstr., 23. — Halle-a-S. : La Del. estas nun, H. Schroeder Thielen, str., 3. — Huddersfield : La Del. loĝas nun, Fred. Clarkson, Park View, Lockwood Scar. — Idaho-Springs : La Subdel. estas nun, D-ro James Underhill. — Kolozsvar : La Del. estas nun, Emeriko de Rakovzy, Honved ut, 13. — Namur : La Del. loĝ. nun, A. Verbecken, rue Rogier, 30. — Pardubice : La Del. estas nun, D-ro Stanislav Schulhof. — Troyes : La Del. estas nun, Muzard, Chaussures Benoît, 75, rue Emile-Zola. — Trutnov : La Del. estas nun, Franz Dworak, Niebelungenstr., 6.

Berlin. : La Del. loĝas nun, Th. Kœhler Schleirmacherstr, 11, S.-W. — Irkutsk : La Del. estas nun, Bannikov, slujba Tjagi jelezn. Zabajkalskoj dorogi. — Minneapolis : La Del. estas nun, Charles H. Briggs, 12. Old Colony Building, Corner 4-a Avenue & 4-a Street. — Montevideo : La Del. loĝas nun, R. V. Idojaga, 25, de Mayo 4 H. — München : La Vicdel. estas nun, Josef Burger, bankoficisto, Milchstr. 10. b. II. Haidhæusen. — Prince Rupert : La Del. estas nun, J. R. C. Brown, Box 197. — Shrewsburgy : La Del. Loĝ. nun, R. E. F. Foulger, bankoficisto, 13. Oswald Rd Oskestry. — Zurich : La Del. estas nun, Karl Jost, Culmannstr, 57. — S-ro Friedrich Beck ĉesas esti Del. de Mülhausen, ĉar li fariĝas Del. de Bienne (Svisujo).

**Novaj Esperantiaj Asocioj.**

Amiens. — Grupo Esperantista.

### Novaj Esperantiaj Entreprenoj.

AVIGNON. — Rousset frères.
AY. — Ĉampano Esperanto.
BAHIA. — Esperantista Grupo de Bahia. — Unio Sociokrata.
BEAUNE. — Banko Mathieu-Faivre & K^io^, Grupo Esperantista.
BUDAPEST. — Kœnyves Kalman.
CHEMNITZ. — Patent-Oficejo de S-ro Paul Fabian.
DIJON. — Komerca kaj industria presejo, eksfirmo Berthoud, L. Cails, posteulo.
ERLANGEN. — H. Henninger, A. G.
LIMOGES. — Jové, Fotografisto.
MAGDEBURG. — Centra Esp. Informa Oficejo.
NORTHAMPTON. — Church & C^o^.
PARENNES. — Internacia Asocio de Esp. fervojistoj.
RIGA. — « Riga Stelo », gazeto.
VALENCIA. — « La Korespondanto ».
BERLIN. — Esp. Komitato por la Internacia Ekspozicio de vojaĝoj kaj alilandulaj interrilatoj, Lindenstr. 51.
CHARLOTTENBURG. — Oskar Bergmann, Kaiser Friedrichstr., 35.
DIJON. — Granda Hotelo Morot, en face de la gare.
LE MANS. — A. Echivard kaj filo, 23, rue Couthardy.
LONDON. — Pensiono de D-ro O'Connor, Str. Stephans, 89, Bayswater.
LONDON. — Gesinjoroj Blaise, 3, Lynette, Ave Clapham-Common.
POTSDAM. — Potsdama Interrilata Societo, Brandenburgerstr., 71.

# Esperantia Parolejo

### Esperanto kaj la gazetaro.

Esperanto nun efektive estas konata ĉie en la civilizita mondo, almenaŭ per la nomo.

La plej multo el la naciaj ĵurnaloj havis pli-malpli notojn pri nia movado. Sed la plimulto el la legantaro tamen staras indiferenta. Tio ĉi ja estas natura, kaj memorante la Zamenhofan guton la esperantistaro daŭrigas sian agadon diversmaniere.

La homaro konvinkiĝas kiel ni scias pli facile per faktoj ol per multe da paroloj, eĉ tre bona parolo. Pro tio certe estas utile, ke la homoj ricevu plej multe da realaĵoj, ĉar ili propagandas efike per si mem. Ĉu la tempo nun ne estus alveninta por ke Esperanto eniru kiel necesa helpilo ankaŭ en la ĵurnalistan fakon ?

Jam nun kelkaj samideanoj interŝanĝas ĵurnal-korespondaĵojn kaj eble tiu rondeto formas komencon por granda ĵurnalista rondo. La nuna agadmaniero estas jena :

Ĉiuj partoprenantoj verkas korespondaĵojn pri iu socia aŭ politika demando, katastrofoj aŭ iu alia komuninteresa temo decidita por publikigado en la ĉiutagaj ĵurnaloj, multobligas ĝin kaj sendas unu ekzpl. al ĉiuj partoprenantaj. El la ricevitaj leteroj la ricevontoj tradukas tiujn kiuj ŝajnas plej interesaj kaj konvenaj por la legantaro en sia lando kaj transdonas tian tradukon al unu aŭ pluraj ĵurnaloj por enpresigo. Tiamaniere ankaŭ la malpli grandaj ĵurnaloj havigas al si rektajn kaj interesajn informojn pri la socia vivo k. t. p. en la eksterlando. La partoprenantaj havigas al si ankaŭ iom da profito por sia laboro, krom tio ke ĝi estas evoluciiga kaj interesa. Tiamaniere oni per realaĵoj konvinkas la redaktorojn, ke Esperanto jam estas utila kaj viva lingvo, kaj tial ili favoriĝas por nia afero. La legantaro ankaŭ baldaŭ komprenas ke tiaj korespondaĵoj de ĉie en la mondo povas esti realigitaj nur per internacia lingvo kaj organizaĵo. Per tiuj konstantaj frapantaj gutoj oni helpas favorigi iom post iom la homaron.

Se mi per tiuj linioj povus instigi iun aŭ alian partopreni en nia koresponda rondeto, mia intenco estus atingita. Ĵurnalistoj esperantistaj, sendu al mi artikolon kaj mi resendas alian kune kun la adresaro.

R. BUSETH, Namsos, (Norvegujo).

## FAKAJ ORGANIZAĴOJ

### La varietea esperantista ligo kaj ĝia graveco por la Esperanta movado

Antaŭ kelke da tempo aperis en la gazeto « Esperanto » artikolo verkita de nia eminenta samideano, direktoro Hodler, en kiu li prave atentigas, ke la venko de nia esperanta movado ne dependas de la nombro de sciencaj eminentuloj, apartenonta al ĝi, sed ĉefe de la popola forto. Tial estu unu el niaj ĉeftaskoj enigi nian lingvon en la popolon, en la larĝan popolan amason. Sed ĉu ni ankoraŭ ne faras ĉion eblan por atingi tion ? Ĉu ne ekzistas en multaj grandaj urboj societoj, unuiĝoj k. t. p. kiuj propagandas kaj disvastigas nian aferon ? Ĉu eminentaj kaj elokventaj samideanoj ne faras grandajn propagandajn paroladojn ? Certe tio okazas, certe ni dankas al ilia fervora agado la tutan ĝisnunan sukceson, sed tamen neniu el ĉiuj ĉi tiuj propagandmanieroj taŭgas interrilati kun la popola amaso.

Niaj plej grandaj malamikoj en nia tuta batalo estas la skeptikeco kaj la indiferenteco de l'publiko kaj ĉi tiujn malamikojn oni ne povas venki aranĝante kunvenojn kaj farante propagandajn paroladojn, ĉar la skeptikuloj kaj indiferentuloj ne vizitas ilin kaj tiamaniere okazas, ke la plejmulto de l'popolo forestas, kio tute ne pruvas, ke inter la forestanta publiko, inter la skeptikuloj kaj indiferentuloj, ne troviĝas personoj, kiuj havas intereson por nia afero. Kontraŭe laŭ mia opinio ekzistas en ĝi multe da estontaj seriozaj kaj gravaj samideanoj, kiujn ne vortoj, ne paroladoj, sed nur faktoj, la praktika uzado kaj aplikado povas konvinki.

El ĉio ĉi tio rezultas, ke nia ĝisnuna propaganda maniero ne sufiĉas, kaj ke, se ni volas atingi tutplenan venkon, ni devas ataki nian malamikon en la ĝusta loko. Ni scias, ke ni bezonas la popolon ; sekve, ni devas klopodi por gajni ĝin. Sed la popolon oni ne povas inviti, sed viziti, serĉi surprize ataki oni devas ĝin. Sed kiamaniere ? Ĝis antaŭ ne longe ankoraŭ mankis al ni ilo, kiu nin interrilatigis kun la popolo, sed nun ni havas ĝin, ĝi estas la V. E. L. Laŭ mia opinio la V. E. L. estas la plej grava el ĉiuj niaj asocioj, ĉar unuflanke neniu profesia anaro havas tian internacian karakteron kiel la varieteanaro kaj aliflanke ĉi tiu internacieco donas al la propagando por nia afero per la V. E. L. la grandan gravecon. Kvankam la ligo ekzistas nur de unu jaro kaj ne havas multe da anoj, tamen ĝi jam aranĝis propagandajn prezentadojn kiuj estas gravegaj por la enkonduko de nia afero en la popolon.

Unue ni rigardu la vizitantaron de varietea teatro kaj komparu ĝin kun tiu de Esperanta propaganda kunveno. Jam la malsama celo de ambaŭ kunvenoj kondiĉas malsaman ĉeestantaron. Ĉi tie ni havas nur personojn jam interesiĝantajn por nia Esperanta lingvo, do nur specialan klason da homoj, sed tie vi trovos la plej diversklasajn personojn, interesiĝantajn por Esperanto aŭ ne, skeptikulojn kaj indiferentulojn, resume la veran popolan amason kiu surprize estas atakata per nia Esperanta lingvo. Al la aŭskultantaro suspektanta nenion, subite prezentiĝas nia Esperanta lingvo sur la scenejo. La ĉeestantoj ne nur havas okazon aŭdi ĝin, sed aŭdi ĝin en praktika uzado, aŭdi ĝin kiel komunan lingvon de internacia artistaro, sekve kiel vivantan internacian lingvon. La skeptikuloj kaj indiferentuloj, kiuj neniam estus vizitintaj Esperantajn kunvenojn, ĉi tie vole nevole devas sperti, ke la internacia helplingvo Esperanto, ĝis nun mokata kaj malŝatata de ili ne estas fantomo de frenezuloj kaj fantaziuloj, sed vera progreso en nia internacia vivo kaj ĉi tiu okazintaĵo ekkaptos ilin per tia forto, ke ili certe pli malpli ŝanĝos siajn ĝisnunajn opiniojn kaj vidpunktojn. Precipe ĉi tiu lasta cirkonstanco igas tiel grava la varietean propagandan prezentadon kaj diferencigas ĝin tutplene de la propaganda kunveno de niaj societoj. Dum ĉi tiuj lastaj kunvenoj havas nur *instruan karakteron* la varieteaj prezentadoj *pruvas kaj konvinkas.*

Nur unu jaron ekzistas la V. E. L. kaj ĉi-tiu mallonga ekzistado sufiĉis por ĝi, por sin organizi sufiĉe forte kaj prezenti sin al la publiko. En mondurboj, kiel Paris, Haag, Rotterdam, Berlin, kaj laste en Dresden ĝi akiris laŭrojn kaj la eminenta gazetaro en ĉi-tiuj urboj, kiuj aliokaze nenion raportis pri Esperanto, pri tiuj okazintaĵoj ne povis silenti. Sed kiom jam okazis dum la unua jaro de l'ekzistado de V. E. L., tiom pli granda estos ankoraŭ la sukceso per ĝi en la estonto ! Nia Esperanta lingvo nur komencis

eniĝi en la artistaron oni nur komencis instrui la artistojn, sed baldaŭ ili pli multnombre prezentiĝos al la homoj kaj tramigrante la mondon ili ne nur propagandas nian lingvon en diversaj naciaj popoloj, sed ankaŭ en sia profesianaro. La sukceso estos duobla, ĉar baldaŭ ne ekzistos plu homo en la mondo, kiu ne konas nian esperantan lingvon kaj krome oni ankaŭ atingos la celon : « Esperanto, la varietea lingvo ».

Ĉiujn ĝisnunajn sukcesojn oni dankas al la senlaca laborado de l'estaro de V. E. L. kaj al la afabla helpemeco de ĝia kunlaborantaro. Parte la estraro trovis samideanojn, kies laboremo kaj helpemo por V. E. L. estas nekomparebla. La ekkono de l'graveco de V. E. L. por nia tuta Esperanta afero igis ilin kvazaŭ sindonemaj anoj. Bedaŭrinde oni ne trovis ĉie tiun subtenon, kaj mi kredas, ke ĉefe la malnovaj antaŭjuĝoj rilate al la varietea artistaro kaŭzis, ke multe da niaj samideanoj ĝis nun rifuzis la helpon. Sed oni do konsideru, ke la tuta varietea arto dum la lastaj jaroj treege evoluciis kaj ke apartenas al ĝi hodiaŭ personoj, kiujn oni tute ne povas kompari kun la iama cigana popolo. Ĉiu, kiu interrilatas kun la hodiaŭa artistaro, trovos, ke kleraj personoj apartenas al ĝi, kun kiuj oni volonte kunestas. Tial mi skribis la suprajn liniojn, dezirante kaj esperante ke ili helpu veki la intereson kaj forigi la ne justajn antaŭjuĝojn en nia Esperantanaro. V. E. L. ĉiam pli kaj pli kreskas kaj samtempe kun ĉi tiu kreskado devas ankaŭ pligrandiĝi la kunhelpantaro. La ĝisnunaj sukcesoj ne kontentigu nin, sed ili estu al ni incitiloj por pli grandaj kaj belaj faroj. Tial estu al ĉiu Esperantano honora devo, fariĝi membro de V. E. L. kaj tiamaniere ageme kaj mone kunlabori je l'atingo de l'celo. Ĉiu memoru ke aliĝante al V. E. L. li ne nur helpas kaj subtenas ĝin, sed ankaŭ samtempe nian tutan Esperantan aferon.

BIGALKE (Bromberg), membro de V. E. L.

## Esperantia Vivo

**Morto**. — La 1an de Marto mortis en Nice *S-ro Horace Haet*, membro de la Lingva komitato.



### KORESPONDADO

Ni atentigas la personojn, enskribitajn sub tiu rubriko, ke ili devas konsideri kiel *devon* kaj *honoron* respondi almenaŭ *unufoje* al ĉiuj personoj, kiuj skribos al ili laŭ tiuj anoncoj. Ĉiuj korespondantoj skribu sian adreson plej legeble (en nacia lingvo), se eble per stampo.

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b.fl. = *bildflanko*.

---

MIKKELI (Finnlando, Suomi). — S-ro Johanno Ratamo, Uusi Apteekki, PI. L.

BÖHM-SKALITZ (Austrio, Bohem). — S-ro Franz Rotter, oficisto, PI.

DEBRECZEN (Hungarujo). — S-ro Fenyves Izso, str. Josef, kir. h. u. 41. PI. PM. — S-ro TŒRŒK PÉTER, prof. de naturhistorio, str Meŝter, no 1. kun samprofesianoj per L, PK. PI.

HISTORIA-BATAK (Bulgar.). — La Grupo Esp. « Radio » dez. ricevi ĉiuspecajn prezarojn, prospekt., katalog. k. c. por diskonigo en sia regiono.

MIECHOVO (Rusujo, jub. Kielecka). — S-ino Maria Hupert.

ZABREH NAD ODROU (Austrio, Moravio). — Fakaj instruistoj B. Tomis, Joĵa Ŝtepan kaj Jos. Jerabek, dipl. instr. de Esp. proponas siajn servojn al koresp.

MAGDEBURG (Germ.). — Presista grupo « Progreso ». Adreso : S-ro E. Kolosche, Krügerbrücke 1 (kun aliland.).

ZGORNJA BELA poŝto Tuplačice apud Kranj (Austrio, Kranj). — S-ro Mihael Naglič, Del. U. E. A. per PK. PI. L. kun alilanduloj. Li sendas belegajn PI. de alpaj lagoj, akvofaloj, neĝaj kaj ŝtonaj montoj kaj subteraj grotoj k. t. p. Li kolektas ankaŭ PM.

ST-PETERBURGO (Rusujo). — S-ro R. Lorencson, Gorohovaja 7 PK. PI PM. kun Turkoj, Grekoj, Montenegr., Luksemburgo, Portugal, Monako, Malto, Gibraltaro, Centr.-Sud Ameriko, Afriko, Azio, Australio.

VYŜKOV (Austrio, Moravio). — S-ro Felikso Valik, konsulo por studentoj, studento de komerca lernejo, PI. L.

FUERTH I. B. (Germanujo). — S-ro Alois Kœniger, ŝtata oficisto, Blumenstr., 42, PI. — S-ro Ebersberger, instruisto, Goethestr., 3, PI. — S-ro Franz Sammeth, ŝtata oficisto, Winklerstr., 29, dez. PK. aŭ kovertojn kun enpresita poŝta marko.

'S GRAVENHAGE (Nederlando). — S-ro M. A. Gerritse, Westerbaenstraat 188, PI.

EGER (Hungarujo). — S-ro Ludoviko Szokolay, 10, str Széchenу PI.

NEW-YORK CITY (U. S. A.) S-ro A. S. Arnold 24, St-Marks Place. — PK. L.

SAINT-CHAMOND (Franc. Loire). — S-ro Joseph Bordes, place de la Liberté, 33, PI. I.

IZIEUX (Franc. Loire). — F-ino Mavel. PI. L.

SAINT-MARTIN-EN-COAILLEUX (Franc. Loire). — F-ino Sangouard PI. L. — S-ro Sangouard, inĝeniero PI. L.

LAVAL (Franc. Mayenne). — S-ro G. Lesegretain, farmaciisto, PK.

PARC-SAINT-MAUR (Franc.). — F-no Thierry, 132, Bd National, PI. L.

ZABRZE (German.). — S-ro Joh. Klon, kronprinzenstr, 129, PI. (PM. b. fl.) kun ĉlikontinentuloj kaj alilanduloj.

CHARTRES (Franc. E. et L.). — La Esp. Grupo PI. (PM. b. fl.) Sin turni al S-ro J. Souazay, 13, rue du Petit-Beauvais.

OLOT (Hispan. Catal). — S-ro J. Pi, Del. de U. E. A., Passeig del Firal, 21, ĉiu korespondanto ricevos danke katalunan ŝlosilon. S-ro C. Agusti, dentisto, Sov Rafael. — S-ro J. Boire, muzikisto, Carml, 14. — S-ro J. Javanola, konsulo por Laboro, Superior 25, 2a. — S-ro P. Roque, Pardal, 21. — S-ro J. Desnila, Proa, 6, 3er.

AL MIAJ GEKORESPONDANTOJ : Nuna mia adreso estas : S-ro St. Korolezyk, firmo Sokolnicki kaj Wisniewski, str Bracka, 8, KRAKOV (Austrio. Galicio).

ST-VASILEVITCKI (Rus. Minskaja gub.). — S-ro Josef Azbel, PI. PK. L.

Namsos (Norveg.). — S-ro R. Buseth, L. pri socialaj kaj politikaj demandoj taŭgaj por enpresigo en naciaj jurnal.

Novočerkask (Rusujo, Dona). — S-ro B. Popov, Mariynskaja, 36, PM.

Paris (Franc.), — S-ro Fernand Sarles, 11, Bd de la Villette, PI. PM.

Ludwigsburg (Germ.). — S-ro Luis Wied, Franzosenstr., 31, PK. PI (PM. ne b. fl.).

Barcelona (Hispan.). — S-ro Manuelo Rodellar, str. Diputacion, 93, PI. kun neeŭropanoj, PM. bfl.

Champigny-Seine (Franc.). — S-ino Radet, 7, Avenue de Bretigny, PI.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro C. Hoffmann, 18, Volksgartenstr., PI.

Barmen (Germ.). — S-ro H. Freckmann, 6, Erlenstr., PI.

Düsseldorf (Germ.). — S-ro B. Luis, 28, Werstenerstr., PI. kun neeŭrop.

Borgo (Finlando). — S-ro Walter Wahlbeck, kun naturgeamikoj, interŝ. naturobjektojn kaj PI. (prefere naturvidaĵoj). — S-ro Bergh, PI. kun francoj, sudaj eksterеŭrop.

Amiens (Francujo, Somme). — Dekok studentoj ĉe la instruista edukejo (normala lernejo por instruistoj) : dez. koresp. kun junaj gesamprofesianoj alilandaj. Ankaŭ kelkaj liceanoj 12-16 jaraj havas saman deziron. S-ro G. Queste. prez. de la Esp. Gr., rue Jeanne-d'Arc, 44, donos adresojn.

Harmanli (Bulgar.). — S-ro Georgi V. Granĉarov, ne dez. koresp. sed interŝ. P. M.

Cordoba (Respubliko Argentina). — S-ro Martin Foledo, str. Lima 234. PI. L. kun ĉiuj samideanoj. Li serĉas ankaŭ poŝtmarkkolektistojn en sia lando, sed li mem ne kolektas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

Sampierdarena (Italujo). — S-ro Eugenio Roudini, Via Milano 2-5 Sampierdanena, precipe kun neeŭropanoj.

Genova (Italujo). — Kolektanto ilustritajn poŝtkartojn, serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj D-ro Gherardi Guglielmo, Casella postale 809 Genova.

Reval (Rusujo). — J. Grünthal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse No 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas. — S-ro A. Laan Frukta str. No 8 pri la etiko de naciaj lingvoj sur la elparolado de nespertaj esp.-istoj. F-ino W. Nesler Pikk nul. No 1. PI. — S-ro Rudolph Vakmann Heeringa nul. No 12. — S-ro H. Hammer Tarapella nul. No 10 pri la plej novaj ideoj. — S-ro J. Bleimann komercisto klasinga str. No 3. PI. L.

Paris (Franc.). — S-ro Léon Vincent, 259, Rue de Belleville, kun neeŭropanoj, kolor. kart.

Le Mans (Franc.). — S-ro Mazières, 1, rue St-Ouen, 1, PI. L.

Amsterdam (Nederlando). — S-ro J. v. Hengel, Wilhelminastr 11.

Rakosliget (Hungar). — F-ino Anna Schubert, instruistino. PI. F-ino Hilda Taufenecker PI. kun vidaĵoj de havenoj kaj ŝipoj.

Dresden (German.). — S-ro M. Taeschner, Eisenacherstr, 5. L. kun aliland., li kolektas PM.

Annecy (Franc. Haute-Savoie). — S-ro Charles Thollet, 11e bataillon alpin, 6e compagnie.

Bruselo (Belg.). — S-ro Charles Tinant, 88, rue Vanderschrick.

Dresden (Germ.). — S-ro Fritz Beyer, Reissigerstr, 78.

Praha-Zizkov (Austrio. Bohem.). — S-ro J. Magr, Budovcova ul. 211. PI. (PM. b. fl.).

Chateauroux (Franc. Indre). — F-ino Maria Ludov. Moreau, 31, rue Paul Louis Courier, PI. (PM. b. fl.).

Condé (Franc.). — S-ino Johanino Mannevy, PI. kun Grek., Turk., Japan., Ĥinoj, Azianoj, Afrik. kaj Sud-Amerik.

Zaragoza (Hispan.). — S-ro Ensebro Senra, infanteria komandanto. PK.

Odense (Danujo). — S-ro Hans Andersen, Møllestenfabr., Ruggaards Ldv.

Plaŭen i. V. (German. Saks). — S-ro Robert Hess, Fürstenstr 88. PI. kun alilanduloj.

Moskvo (Rus.). — S-ro A. M. Miroljubov, Malaga Aleksееvskaja, dom Mazurinik, kv. 58. — S-ro V. A. Ivanov, Zemlanka Tetérinskij pereul. d. No 10. kv. 6. — S-ro S. I. Makarov, Boĵedomskij per. No 20.

Paris (Franc.). — S-ro J. Lauras, inĝ., 29, rue Madame kun aliand. Nur PI.

Barcelona-Gracia (Hisp.). — S-ro A. Torné, str. Maldonado, 21, PI. L. ne kun franc., germ., angl., aŭstroj.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ESPERANTISTA POETINO verkas ĉiajn festkantojn. Bonaj referencoj, malaltaj prezoj. Mendante oni aldonu notfolion de la dezirata melodio. Julie Wolfson, Breslau (Germanujo), Aŭgustastr., 36.

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Untertrave, 8, Lübeck (Germanujo).

LABORO. — S-ro Souchay, 134, Bd Exelmans, Parizo, laborkonsulo, dankas ĉiujn samid., kiuj bonvolis sendi al li sian adreson kaj metion por faciligi lian koresp. pri labora fako kaj tiel multe helpis al li kaj helpos al la ĉiulandaj laboristoj.

GREKAJ POŜTKARTOJ. — S-ro P. Douzinas, Del. Ateno (Hermesa str. 132) *ne* korespondas, sed kontraŭ poŝtmandato (20 aŭ 40 Sd.) sendas PK. pri tiеaj antikvaĵoj.

EKSPOZICIO. — Mi tre petas ĉiujn esp. firmojn kaj entreprenojn sendi al mi prospektojn kaj katalogojn, kiujn mi tre bezonas por aranĝota prop. ekspozicio. Interŝ. mi sendos vidaĵojn. R. Lorencson, St-Peterburgo, Gorohovaja, 7, Rusujo.

POŜTMARKOJ. — Mi deziras aĉeti pogrande poŝtmarkojn de iuj landoj. Sendu al mi priskribon kaj prezon de kiom vi havas. Mi sendos 100 diversajn Amerikajn poŝtmarkojn po Sm. 300. C. E. Nickles, 122. Fla. Ave. N. W., Washington D. C. Usono.

TRA BOSNIO-HERZEGOVINO. — Belega Esp. gvidlibro, riĉe ilustrita. Bonega propagandilo. Prezo : 2 respondkuponoj, ĉe S-ro J. Schwarz, Del. U. E. A., Eisenbahn-Adjunkt, Sarajevo (Bosnio). Rabato da 33 0/0 al la Esperantistaj librovendejoj.

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Aŭstrio-Moravio.

LA ESPERANTISTO internacia monata gazeto por Politiko, Scienco, Literaturo, Arto, Sporto, Komerco kaj Humoro en ESPERANTO.

Eliranta jam la trian jaron ĉiumonate en 16 paĝa ilustrita kaj bele bindita numero.

Jara abonprezo : 1 1/2 M., 2 F., 2 1/2 Ŝil., 3/4 Rub. — 80 $ Postulu tuj senkostan provnumeron de S-ro FRITZ STEPHAN, LEIPZIG (Germ.), Kochstr. 61.

SENPAGE vi povas vojaĝi tra fremdaj landoj ! Skribu tuj por informoj : (aldonu 1 respondkuponon) : al : « Esperanto-*Luhačovice* : Aŭstrio-Moravio.

# UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO

## ELDONAĴOJ

*Esperantia Biblioteko.*

1. **Oficiala Dokumentaro de la 1ª kongreso de U. E. A.** — Plenaj raportoj pri la agado de U. E. A. Protokolaro de la kunvenoj, listo de la kongresoj. Prezo : 50 Sd. afranke.

2. **Oficiala Jarlibro 1911.** — Plenaj informoj pri U. E. A. Listo de la Delegitoj, Subdelegitoj, Oficejoj kaj Entreprenoj. Prezo : 30 Sd. ; senpage por Esperantianoj.

3. **L'Espérantisme.** — Propaganda broŝuro en *franca* lingvo pri Esperantismo, U. E. A. kaj ĝiaj servoj, kun elementoj de la lingvo Esperanto. *Tute nova eldonajo.* Prezo : 10 Sd. afranke. Alilingvaj eldonoj en preparo.

**Les relations internationales.** — *Comment les faciliter? Comment les développer?* Propaganda folio 4 paĝa en *franca* lingvo. *Tute nova eldonajo*, rekomendata al ĉiuj propagandemuloj. Prezo : 50 ekz. 50 Sd. afranke ; 100 ekz., 1 Sm.
Alilingvaj eldonoj en preparo.

∴

**Oficiala insigno.** — Verda stelo kun blanka tranĉrando kaj la literoj U. E. A. Prezo : 36 Sd. (pinglo aŭ broĉo), butono 40 Sd. Por rekomenda sendo, 10 Sd. Sd. plie.

**Oficialaj leterpaperoj, kovertoj kaj poŝtkartoj.** — 100 folioj de leterpapero : 70 Sd., 100 kovertoj : 40 Sd., 100 poŝtkartoj 70 Sd.

**Oficialaj markoj.** — Markoj kun la bildo de D-ro Zamenhof, gluotaj sur la korespondaĵoj. Prezo : 100 ekz., 85 Sd. (je la profito de la Centra kaso de U. E. A.

**Gvidfolioj.** — Plena kolekto de la diversurbaj gvidfolioj. Prezo : 50 Sd. afranke.

---

**ĴUS APERIS :**

# LA KATO

De J. Rajberti

Trad. el itala lingvo, de *A. TELLINI*
Ĉarma literatura verko

Prezo : 20 Sd. afranke

---

LIBERTEMPEJO. — Kiu eŭropo familio, loĝanta en Aŭstrio, Francujo, Svisujo aŭ Germanujo, povas akcepti dum la venonta somero (de 15 Junio ĝis 15 Aŭg.) instruiston 28-jaran, kiu donus kom pensè al la geiloj rusajn, armenajn kaj esperantajn lecionojn? Sin turni al S-ro Simeon Mkrtiĉjan, instruisto de Armena lernejo, Batum, Kaŭkazo.

---

**"Pelikan"**

*Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne ankaŭ troviĝas sur via inkboteleto? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l'marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta N-ro 215 senpage sendata de la fabrikanto Günther Wagner, Hannover (Germanujo) kaj Vieno*

---

CU VI AMAS belajn kantojn? Se jes, ensendu tuj 20 Sd. (duona prezo) poŝtmandate aŭ du respondkuponojn al Emil Finn, Upsala (Sved.) kaj vi ricevos la libron *Sveda Kantaro*, enhavantan 30 svedajn kantojn, esp. trad. kun melodioj.

---

SENPAGAJ INSTRUKCIOJ pri hipnotismo kaj pri magnetismo. Sin turni al Societo Psychige, Paris XIXe, 142, rue Flandre.

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastia (Hispanujo).

---




Adreso: Praha II. Dittrichova ul.7.

Prezo 75 ctm. 10 ekz. Sm. 2.70



**SHERLOCK HOLMES EN SERVO DE LA HISPANA TRONO.**

---

**SAMIDEANOJ, ATENTU!**



**Novajn insignojn fabrikas la firmo**

**H.-E.-D. AUDOIN**

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

**Dika stelo,** *verda emajlo* kun ora rando ; uzebla kiel broĉo, kravatpinglo, ĉenpendaĵo aŭ por butontruo.
**Prezo** : 0.24 Sm. ; po 10 : 2 Sm. ; po 50 : 8 Sm. ; po 100: 14 Sm.
*El arĝento* : 0.60 Sm. ; *orita arĝento* : 0.90 Sm. ; *el oro* (18 karatoj) : 4.80 Sm.

**Ĉenpendaĵoj** « Esperanto », ambaŭflankaj ; arte kaj zorge farita laboro.
**Prezo** : 0.48 Sm. ; po 10 : 4 Sm.; *El arĝento* : 1 Sm.; *orita arĝento* : 1.80 Sm. ; *el oro* : 7.20.
Sendo afrankita ; pago per mandatoj aŭ poŝtmarkoj.

**RABATO POGRANDE**

**Ĉapelpingloj** por S-inoj ; prezo : 0.30 Sm.; po 10 : 2.40 Sm. ; *el oro* : 7.20 Sm.

**Insignoj** por ĉiaj societoj ; medaloj, metalmarkoj, skulptaĵetoj, diplomoj.

sporto, gimnastiko, festoj, muzikistaroj.

**Flagoj** por konkursoj, **Mortotukoj.**

Rabato al Esperantistoj. Ilustrita katalogo senpage ricevebla laŭ mendo.

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am'!...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partoj kaj religioj
Eklevu unu vokon, eklevu unu kanton,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!
Nek riveroj, nek Alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond'!
Et frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano,
Kunplektu, gefratoj, l'amikajn viajn manojn
Ĉar sun' profetita leviĝas jam!

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikaĵon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del 'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).






# OFICIALA GAZETO ESPERANTISTA

ORGANO DE LA LINGVA KOMITATO
DE LA KONSTANTA KOMITATO DE LA KONGRESOJ
KAJ DE LA INTERNACIA KONSILANTARO

Jara abono : **5** frankoj. — Unu numero : **50** centimoj.
Redakcio kaj Administracio : **51, rue de Clichy, Paris.**


## EL LA DECIDARO DE LA SESA KONGRESO:

*La Sesa Kongreso memorigas al ĉiuj societoj kaj grupoj, ke la abono al la Oficiala Gazeto estas unu el la plej bonaj rimedoj por helpi finance la oficialajn instituciojn de Esperanto, kaj por esti regule informata pri iliaj laboroj.*




*La Administranto (Gérant) :* Michaud

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



# ESPERANTO-OFICEJO

**Sinjorino FARGES, 36, strato Victor-Hugo, LYON (Francland̲o)**

*Ricevinta la 1-an premion en la konkurso de U. E. A., en la V-a kongreso en Barcelona*

Informejo por la fremdaj geesperantistoj. Centra propagandejo por la Rodana regiono. || Vendejo de ĉiuj Esperantistaj libroj kaj ĵurnaloj kaj ĝenerale de ĉiuj Esperantaĵoj.



## BUSTO de D-ro ZAMENHOF

*Verkaĵo de Jean CHOREL*

Lyon'a Skulptisto, Medalita de la Paris'a Salono. — La Majstro pozis speciale en Lyon je Septembro 1909-a.

ipsa kopiajo alta je 18 cm., larĝa je 13 cm., en kartonskatolo

Prezo nete : **5 frankoj - 2 $**

iravaj rabatoj por la Esperanto-Oficejo

igna kesteto (1 fr.) estas rekomendata por la sendoj al fremdaj landoj

La aĉetanto pagas la sendelspezojn plie

**Silkaj Esperantistaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**. — **Silkaj ĉiunaciaj flagetoj** (4cm sur 6cm), **fiksitaj sur pingloj**

Ĉiu flageto : **0** fr. **20** (0 $ 08)

*Specialaj prezoj pogrande por la Oficejoj, Grupoj kaj Societoj*

**LYON** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj. || **VIENNE** — 20 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la antikva romana urbo.

*Kun klariga teksto en Esperanta kaj Franca lingvoj*

| | |
|---|---|
| La kolekto da 20 . . . . . . . . . . | **0** fr. **85** (0 $ 34) |
| — 100 . . . . . . . . . . | **3** fr. **50** (1 40) |
| — 500 . . . . . . . . . . | **15** fr. **50** (0 20) |

**4 malsamaj poŝtkartoj pri la Ruĝa Kruco Esperantista**

(eldonitaj de la Lyon'a Esperanto-Oficejo)

| | NIGRAJ | KOLORIGITAJ |
|---|---|---|
| La kolekto . . . . . . | **0.40** (0 $ 16) | **0.60** (0 $ 24) |
| 100 . . . . . . | **4.00** (1 60) | **6.50** (2 60) |
| 500. . . . . . | **18.50** (7 40) | **21.00** (8 40) |

**SAINT-ETIENNE.** — 12 malsamaj poŝtkartoj kun vidaĵoj de la monumentoj, kaj kelkaj vidaĵoj de Rochetaillée.

La kolekto : **0** fr. **50** (0 $ 20)

**Esperantistaj Sigelmarkoj** (verda stelo sur blanka fundo kun la vorto « *Esperanto* ») gluhavantaj sur la dorsa flanko, gluigotaj sur leterpaperoj, kovriloj, afiŝoj aŭ en kunvenejoj kaj vagonfakoj. Bonega propagandilo.

| | |
|---|---|
| 500 markoj . . . . . . . . . . | **1** fr. **50** (0 $ 60) |
| 1.000 markoj . . . . . . . . . . | **2** fr. **50** (1 $ ») |




**La Firmo S. FARGES estas :**

La plej granda presejo kaj eldonejo de poŝtkartoj en Lyon ;

La plej granda vendejo kaj interŝanĝejo de poŝtmarkoj en Lyon.

*Oni sendas kolektojn por elekti kontraŭ monsumo*




La « Esperanto-Oficejo » deziras ricevi broŝuretojn, foliojn, specimenojn kaj proponojn pri propagando kaj komerco.

---

**Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto**



# ILUSTRIGU




*VIAJN*

**ENPRESAĴOJN**

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

**PRESAĴOJN**

*PER*

*LA*

**PUBLICITE**

**Esperanto**



**HERLEMONT**

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (Xe)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

## S.-PETERBURGO

Plenaj kolektoj vidaĵoj de Sankt.-Peterburgo, ordinaraj kaj koloraj po $ 2-2.50 kaj 3. Albumoj panoramaj tre riĉaj $ 5. — 10 kaj 15. Sin turnu al S-ro J.-N. TASOVSKIJ (Russie), S.-Peterburgo, Vasiljevskij Ostrov, 16 linija d. N· 23 kv. 3· Poŝtmarkojn ne akceptas.

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

BORDEAUX-VINOJ

# Firmo Emile LAMY, Posedanto

*BORDEAUX (Franclando)*

Vinoj de Tablo. Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo aŭ duonbarelo.

Vinoj Maljunaj. — Ruĝaj kaj Blankaj, per barelo, duonbarelo, kvaronbarelo, aŭ per kesto, diversspeca.

*Likvoroj de Vinoj — Alkoholoj — Ĉampanoj.*

Sin turni al Sro **Arnoux,** sola agento, 11, strato Chaligny, Paris (Franclando). Sendo de specimenoj laŭ peto. Oni korespondas Esperante.